IXa jaro. No 140 (4) ☆ Duonmonata ☆ 5 Marto 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

**Jara abono** . . . . . . . . . . **2.— Sm.** (5 fr. —)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . **2.50 Sm.** (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . **20 Sd.** (50 ct.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . **16 Sd.** (40 ct.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **20 Sd.** (50 ct.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO

*Milito kaj scienco*, Ch. Richet.

**Socia Vivo:**
*Impresoj el Ruslando*, D-ro J. Hostovsky.
*La problemo de Atlantis*, St. Schulz.
*La brita asekurada leĝo*, P. Blaise.
*Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj*, Ch. Lesca.
*Difekto de fama bildo*, N. Foss.
*Notoj*.

**Literaturo:**
*La suferoj de juna Werther*, W. v. Gœthe.
*Tra la Esperanta literaturo*, Verto.

**Esperantismo:**
*Kroniko*.
*Diversajoj*.
*Tra la Gazetaro*.

**U. E. A.**
*Oficiala informilo*. — *Novaj Delegitoj*.
*Esperantia parolejo*.
*Esperantia vivo*. — *Alvokoj*.

NUNTEMPAĴOJ

## Milito kaj scienco

La aŭtoritato de l'scienco estas tiagrade konsiderinda, ke oni postulas ĝian aprobon ĉe ĉiu okazo. Kelkaj aŭtoroj do asertis, ke la milito-stato estas unu el la kondiĉoj de l'porekzista batalado kaj ke ĝi estas favora al la natura selektado. Por tio oni uzas jenan argumentadon. Ĉie en la naturo vidiĝas pasia batalado, saugoplenaj konfliktoj inter la individuoj, kaj ĉiam venkas la plejforta, la plejkuraĝa, la plejlerta. La malfortaj estas subpremataj kaj en tio konsistas la profito por la speco, ĉar postrestas la plibona. Tial la batalo estas necesa, ĉar ĝi certigas la superregadon de l'plej kapablaj individuoj. Se du nacioj iras en batalon, ankaŭ ĉi tie venkos la pli kapabla nacio kaj ĝuste pro tio, ke ĝi venkis, ĝi meritis la venkon. El tio sekvas, ke niaj militoj kaj bataloj estas nur epizodo kaj pravigita epizodo de l'senĉesa militado, kiu sur la terglobo ekzistas inter la vivestaĵoj. Ni obeas al granda kaj ĝenerala leĝo de l'naturo, kiu sekvigas progreson de la homa raso.

Tiaj estas la konsideroj — kaj ni ne provis malgravigi ilin — kiujn kuraĝas aplikadi la pseŭdosciencistoj. Mi volas pruvi per argumentoj, ke estas grava eraro, se oni penas fari el la milito naturleĝon, kiu estus favora al la progreso de l'homaro.

* * *

Se oni konsideras plej unue l'analogion ĉe bestoj kaj ĉirkaŭrigardas inter ĉi tiuj estaĵoj sen moralo kaj inteligenteco, vere ekzistas nenio simila al niaj militoj. Ekzistas batalo inter *individuoj*, sed nenia milito de la *tuto*. Franca pensulo, La Bruyère en iu fama loko parolas pri batalo inter katoj de unu lando. Kia sovaĝa konfuzo, kia mortigado, kia teruro! Kaj tamen li sciis tute bone, ke dumilaj, eĉ ducent milaj katogrupoj neniam estas tiom malsaĝaj por sin reciproke mortigadi. Ĉi tiu stulteco troviĝas unike ĉe la homo. Du hundoj batalas pro osto, du cervoj pro cervino, du leonoj pro peco da viando. Tio estas individuaj kaj personaj bataloj, sed oni trovas en la naturo nenian ekzemplon de aranĝita mortigado inter du bestospecoj, kiuj estus sin organizintaj al la milito. Aŭ pli precize: estas inter la tuta bestaro nur *unu* ekzemplo aplikebla. Kelkaj specoj de *formikoj*, sed efektive nur kelkaj specoj, vere interbatalas pro posedo de terpeceto, kiu estas en pli oportuna kaj pli bona loko kaj estas ŝirmata kontraŭ vento, pluvo aŭ malvarmo. Kaj ĝi estas ĉio analogia, kion ni trovas en la tuta bestaro rilate al kolektivaj buĉadoj.

Tial se oni parolas pri niaj militoj en la senco, ke ili similas al batalado de l'bestoj, oni trovos aplikon unike kaj nur ĉe la formikoj, kaj krom tio sole ĉe kelke da iliaj specoj. Tio estas ĉiu uzebla analogio. Tio estas l'ekzemplo, kiun oni al ni liveras; oni citas la formikojn. Oni citas ilin ne unufoje, ĉar tiuj, kiuj konsideras la militon leĝo de l'naturo, estas nesufiĉe spertaj en l'entomologio kaj neniam pripensis, ke estas nenia ebla simileco inter *individua batalado* kaj *kolektivaj militoj*. Tiu simileco efektive ne ekzistas kaj troviĝas nenia kaŭzo serĉi analogion ĉe kelkaj militemaj formikospecoj, kiun sekvus la homara socio. Do ĉi tiu afero ne meritas atenton.

* * *

Ĉu la militoj do havas la kvaliton plibonigi la rasojn per selekto? Jes, ili havus ĝin, se la plej malfortaj, la plej malsanemaj, la plej malkuraĝaj homoj mortus dum la militado. Sed estas ĝuste la plejfortaj, la plejkuraĝaj, kiuj ruiniĝas. Se oni observus tiamaniere la problemon, respondo estas

nedubinda. Fakte ekzistas granda parto de l'loĝantaro, kiu neniom devas timi la militon. Ĝi estas la grupo de nekapabluloj. Blinduloj, surdmutuloj, idiotoj, ĝibuloj, rahitismuloj, skrofululoj, stultuloj, homoj kriplaj, paralizitaj, epilepsiaj, pigmeoj, abomenuloj, ĉi tiu fuŝrestaĵo kaj surfundaĵo de l'homara raso povas pluvivi trankvile. Kontraŭ tiuj ne fajfoflugados la kugloj. Ili superrestas trankvile en la hejmo. Dum la junuloj, homoj fortaj, sentimaj, kuraĝaj estas putriĝontaj sur la buĉadejo, ili en plena paco povas kulturi siajn karbunkolojn kaj supervivi la unuajn, ŝirmataj kontraŭ ĉiu danĝero, kiu povus ekminaci ilian multvaloran ekzistadon.

El tio sekvas ke la milito kondukas al senespera konsekvenco, al supervivado de malfortuloj. Ĉu oni tiel komprenas la selektoprincipon? Eĉ en la interbatalo mem, kiu estas liverata al plej grandaj danĝeroj? Kiu serĉados la morton? Certe ne la timemuloj. Tiuj ĉiam trovos okazon al evito de l'kugloj. Estas ĉiam la samaj, kiuj lasas sin mortigi laŭ la malnova, tute prava, proverbo. Ankaŭ tie selekto estas observebla, sed ree kontraŭselekto, kiu liveras la plej kuraĝajn al la morto aŭ al la vundoj kaj ŝirmas la timemulojn.

* * *

Oni ja diras ankaŭ, ke ĉi tie oni rigardas ne al individuo, sed al tuta nacio. La plej inteligenta kaj kuraĝa nacio en sia tuto, sen atento al unuopaj individuoj, el kiuj ĝi konsistas, venkos super la malpli kapabla nacio. Sed tiu ĉi aserto estas pura sofismo, ĉar estus plej unue pruvota, ke la venkita nacio konsistas el individuoj malpli kapablaj ol estas la individuoj de l'nacio venkanta.

Tio estas evidente tute malĝusta, ĉar la sukceso en milito neniel pruvas la popolan superecon. Ekzistus ekz. popolo da centmil burĝoj, kiu havus konflikton kun alia popolo da okcentmil burĝoj. La malpli multenombra nacio certe estos venkita, ĉar ĝi estas la malpli forta koncerne la nombrecon; ĝi estos frakasita, ruinigita, sklavigita. Kiamaniere estus pruvita per tio, ke ĝi apartenas al malpli kapabla raso? Se Romo almilitis Atenon, mi tamen ne povas konkludi, ke la inteligenteco de la romanoj estis supera ol tiu de l'grekoj. Se japanoj venkis rusojn apud Mugdeno, mi stulte ne asertus, ke la flavuloj estas pli inteligentaj, pli sentimaj kaj pli noblanimaj ol la blankuloj.

La unika sekvo de ĉi tiu mortigado konsistas en tio, ke oni devigas du naciojn entombigi la plej bonan idaron. Kaj neniom estas pruvite, ke la ruiniganta nacio estas pli supera ol la ruinigita. Ĉar por finkonduki tiun argumenton, kiu ĉiam denove estas defendota kontraŭ eksperimenta refuto, oni devus ĉiam rekomenci la eksperimenton, ĉar kontraŭa ebleco ĉiam daŭras! Post Rossbach sekvis Jena, post Jena Sedan! Kaj kio estos ankoraŭ necesa post Sedan por malblindigi la naciojn de l'Eŭropo? Ĉu oni pensas al plua buĉado por allasi supervivadon kaj triumfadon super la plej kuraĝaj el nia idaro?

* * *

Sed se oni parolas pri la analogio ĉe bestaro, kaj se oni, sen ĝusta kompreno, montras al la selektoteorio, oni forgesas, ke kontraŭe en la naturo estas sennombraj *unioj* kaj *kunligoj*. Inter diversaj specoj ekzistas simbiozoj, troviĝas asocioj interne de l'samaj specoj, per kiuj sin serĉas la individuoj, kiuj izolitaj estus nesufiĉe vivikapablaj kaj vivas en grupoj kaj societoj por plibonigi la kondiĉojn de sia ekzisto. Ni trovas bestasociojn, kiuj helpas sin reciproke anstataŭ sin mortigadi kaj ŝajnas, ke estas ĉi tie pli atentindaj analogioj, kiujn ni povas sekvi.

La homo estas socia animalo, *zoon politikon*, kion komprenis jam Aristoteles. Kaj ĝi triumfis per la organizo de l'sociaj fortoj super la malhelpoj, kiuj kontraŭstaris al ĝia disvastiĝemo sur la terglobo. Ĉi tie estas malamikoj de ni venkotaj, sed plej unue ni estas lernontaj ilin koni. Tio estas la vera scienca vojo, tia estas la tendenco, kiu devas regi al la moderna kulturo: *Koni siajn malamikojn por venki ilin.*

Ĉi tiuj malamikoj estas niaj malvirtoj kaj eraroj unuavice. Plue estas la insidoj de la klimato, la malvarmo, la varmego, distanco; plue la parazitoj, nekalkuleblaj mikroboj, kiuj penas enpenetri nian korpon por suferigi al ni ĉiujn turmentojn de l'plej kruelaj malsanoj. Fine estas la neeviteblaj kondiĉoj de nia homa vivo, la maljuneco kaj la morto, kiuj ĉiun atendas. En tio konsistas la malbonoj de la homaro; tio estas la veraj malamikoj. Nia malamiko certe ne estas la alia homo; ĉar la homo devas nepre esti nia helpanto!

* * *

Tio estas la unika vero, kiun diras la scienco pri la naturo, kiun diras la scienco pri la homara socio kun la plej granda certeco.

Kaj en la batalo kontraŭ ĉi tiuj malbonoj, ni agu konforme al la selektoteorio. En bone organizita socio la plej kapablaj rapide atingos la plej supran gradon, sed tio estas ebla nur dum paco kaj ne per la milito. La milito falsas ĉion; ĝi oferas la plej bonajn kaj lasas pluvivi la plej malmulte valorajn. Ĝi devigas la popolojn entrepreni batalojn, kiuj estas ne nur senfruktaj sed ruinigaj kaj direktiĝas kontraŭ imagataj malamikoj. Anstataŭ tio, ke la milito estas en harmonio kun la scienco, ĝi estas pli vere ĝia nefratigebla malamiko, ĉar ĝi senĉese malhelpas la penadon de l'homara socio kaj la konon de la eksterlima mondo.

*Ch. Richet*
Profesoro ĉe la Pariza Universitato
Trad.[1] Otakar Vyhnal-Brodano.



## SOCIA VIVO



### Impresoj el Ruslando

II

Kion signifas en Rusujo unu horo! Oni havas impreson, kvazaŭ ĉiu homo en Rusujo estis provizita almenaŭ per mil jaroj — kaj kion faru ni, mizeruloj el okcidento, kun niaj kelkdekoj da jaroj! Ĝi similas al la rusa mono. Niaj du kronoj[2] valoras ĉi tie pli malmulte, sed niulo senvole identigos du kronojn kun rublo. Kaj tiam en Rusujo, dum unu bela tago li trovos, ke la rusa trinkmono — ĉi tie oni diras „por teo" — faras grandan truon en la poŝo.

Nenia do miro, ke konkurado kun rusa komerco estas vere por ĉiu nacio tre facila, precipe por germanoj. La rusa kamparano ofte laboras sen difinita celo. Ekz. li semas grenon — kiu scias, se sukcesos la rikolto; kiam estas tempo de l'rikolto kaj li veturigis ĝin hejmen, li nescias, ĉu li povos ĝin ĝustatempe transporti en la staciejon, precipe en aŭtuno, kiam vojoj estas penireblaj. Fine la greno troviĝas en vagonaro; sed Dio scias, ĉu la sendaĵo ne malfruiĝos — ni diru — unu monaton. Kaj se la greno estas transportata pervagonare al marhavenoj kaj ĝi alvenos malfrue, tiel ke la ŝipo, ekz. tiu al Marseille, jam antaŭ longe malaperis, oni imagu, kiel grandegaj domaĝoj el tio devenas. Kio povus esti eksportata el Ruslando! Rusoj mem nur

[1] El „Das monistische Jahrhundert", laŭ bonvola permeso de la redaktoro.

[2] La aŭtoro de tiu artikolo estas ĉeĥo (*Red.*)

sentas, ofte ne bone scias, kiaj kolosaj riĉaĵoj kuŝas ĉi tie. Ĉio preskaŭ mem rampas el la tero kaj frapas la nazon de la kamparano sed li ne vidas aŭ estas kontraŭ tio indiferenta. Mi legis artikolon de G. Petrov en „Ruskoje Slovo", kie li plendas pri rusa malentreprenemo. Li vidigas per kelkaj dokumentoj kiel Rusujo ne scikomprenas eluzi sian riĉecon. Ekzemple la urbo Baku. Kiel kolosa multo da nafto tie troviĝas, preskaŭ tuta Eŭropo el tie estas provizata, kaj Baku mem estas mizera, la plimulto de la profitita mono fluas en fremdajn poŝojn. Aŭ Jekaterinoslav, centro de minregiono. Kion farus el ĝi germanoj (komparu Rejnlandon) kaj ĝi estas dume malpura, kvazaŭvilaĝa, malbonaspekta urbo. En simila situacio troviĝas Astrahan, kie estas tiel abundoriĉa fiŝkaptado, kiel malmultaloke en la tuta mondo. Ĉialoke estas granda riĉaĵo, sed ĝi restas neprofitata, kaj se tamen ĝi donas iom da monprofito, tiu malaperas en fremdulaj poŝoj, kaj riĉaĵhava Rusujo estas malriĉa kaj malsatas.

Kiel longe daŭros, ĝis kiam almenaŭ la fundamento estos konstruita al plua sukcesa evoluado? Tiu fundamento estas lernejaro, kaj en Rusujo troviĝas lernejoj en malabundo. Eĉ unuagradaj, tiom pli la fakaj! Malmultaj estas la lernejoj agronomiaj, minejaj, arbaristaj, komercaj akademioj k.t.p. La rusa inteligentularo multe legas, multe filozofumas, faras planojn, sed nemultnombraj eklaboras. Kaj se iu volas labori pli intense, tiu trovas multe da malfacilaĵoj, precipe de flanko de la registaro. Tiu en ĉiu agemo kvazaŭvidas ion suspektan kaj tiel katenigas ĉion per siaj instrukcioj; tiel longe oni estas ĝenmalhelpata, ĝis laboro fariĝas teda.

Vojaĝinto tra Ruslando scias, kiom da komedioj oni faras kun la pasportoj. Eĉ ĉiu ruso, kiu vojaĝas tra propra lando, devas sin identigi per pasporto ekz. en gastejo, kie li noktoripozas. Kaj des pli la fremdlandano! Kaj simile ĉe ĉiu okazo. Ju pli oni pripensas, des pli ĝi estas malĝojiga. Mi havis sufiĉe da tempo dum la senfina vojaĝo el Varsovio al Moskvo al diversa meditado. Ŝajnus, ke en Rusujo ĉiu krom la organoj de l'registaro estas malkontenta. Sed troviĝas ankoraŭ unu speco de homoj, kiuj bonfartas en Rusujo — ĝi estas la pastraro. Eble nenialoke en la mondo oni vidas tiom da preĝejoj, tiom da kredanta popolo, kiom ĉi tie. Oni elvagoniĝu ekz. en Smolenska staciejo — la vagonaro forveturas post unu horo. Unua spektaklo, kiun oni ekvidas en la stacidomo, estas altaro kun granda nombro da ikonoj (sanktaj bildoj) kaj antaŭ la altaro ĝis tero kliniĝas kaj kisas ilin longa vico da virinoj, viroj kaj infanoj. Ĉe l'unua rigardo oni ne volas kredi al la okuloj. Kaj ĉiumomente oni vidas mujikon ebrian, ke li devas laŭiri la muron, sed tamen li penas kliniĝi kaj krucofari. En vilaĝoj oni vidas preĝejojn, ikonojn, plene da gepiuloj, sed okazas, ke en tuta vilaĝo eĉ ne unu scias legi kaj skribi. Multe pri tio rakontis al mi inteligenta ruso, nejuna sinjoro. Li parolis pri tio kun malgajo kaj ĉagreno — ankaŭ mi sentis nenian gajemon. Kaj kun tia humoro mi proksimiĝis al Moskvo, sed ne kun ĝojo mi atendadis la „blankoŝtonan patrinon". Ke ni proksimiĝas al Moskvo estis rimarkebla laŭ tio — kiel atentigis mia konato — ke ĉiam pli multe da judoj elvagoniĝadis. Kiam ni ektroviĝis en Moskvo, postrestis eĉ ne unu — la lastaj eliris en Smolensk kaj Vjazma. En Moskvo ili estas malhelpataj loĝadi. Kelkaj procentoj da ili ankau ĉi tie havas restadejon, sed nur judoj riĉaj.

*(Daŭrigota).*

D-ro *J. Hostovsky.*
Trad.[1] *Ovybro* (Praha).

[1] El *Samostatnost.*

---

# La problemo de Atlantis

II

*La letero de Paŭlo Schliemann al la „New-York World".*

Kelke da tagoj antaŭ sia morto, en jaro 1890, mia onklo, la malkovrinto de l'fama Mykenea civilizacio, en Napoli transdonis sigelitan leteron al unu el siaj plej intimaj amikoj. La koverto estis provizita je la jena surskribo: „Ĝin povas malfermi nur iu el mia familio, kondiĉe, ke li solene promesas, ke li dediĉos sian vivon al la sciencaj esploroj en ĝi priskribitaj."

Mia avo, unu horon antaŭ sia morto, petis paperon, krajonon, kaj per tremanta mano skribis: „Intima aldono al la sigelita koverto. Disrompu la strigokapan vazon. Ĝi rilatas Atlantison. Traŝercu la orientajn ruinojn de l'Sais-a preĝejo kaj la „Chacun"-valan tombejon. Grava! Tie vi trovos klarigon pri la sistemo. Proksimiĝas la nokto.... Fartu bone!"

Li fermis la leteron kaj sendis ĝin per vartistino al la supre menciita amiko, kiel komplementon al la ĉe li jam troviĝanta pakaĵo.

Kvankam ĉiuj estis scivolaj pri la enhavo de l'mistera pakaĵo, tamen neniu el la familianoj kaj amikoj kuraĝis malfermi la sigelon. Neniu volis dediĉi sian vivon al io tia, pri kiu li sciis nenion. La koverton ili metis en francan bankon. Dume mi okupiĝis kelkajn jarojn je sciencoj en Rusujo, Germanujo kaj en la Oriento, kaj poste mi decidis, ke mi prenos sur min la laboron. Mi opiniis, ke se li tiele konservis la sekreton, tiam ĝi ja ankaŭ meritas, ke oni okupiĝu je ĝi. En 1906, mi faris la solenan promeson, kaj disrompis la vazon. Estis diversaj dokumentoj kaj fotografaĵoj en ĝi. La enhavo de l'unua dokumento estas jena:

„Kiu ĝin malfermis, tiu devas solene promesi, ke li finos tiun grandan laboron, kiun mi postlasis nefinita. Mi konvinkiĝis, ke Atlantis estis ne nur granda kontinento inter Ameriko kaj la okcidentaj marbordoj de Eŭropo kaj Afriko, sed ankaŭ la lulilo de ĉiu civilizacio. Laŭ unuj la legendo pri Atlantis estas nur fikcio, laŭ fragmentoj pri la superakvego kelke da miljaroj antaŭ la Kristana periodo, laŭ aliaj la legendo estas historia fakto, sed ili ne kapablas ĝin pruvi.

„Laŭ la ĉi tie almetitaj materialoj, notoj, kaj aliaj aĵoj oni devas esplori la pruvojn. Kiu prenos sur sin ĉi tiun taskon, tiu devas solene promesi, ke li daŭrigos miajn esplorojn kaj ekhaltos nur post akiro de definitivaj rezultatoj, uzante mian postlasitan materialon. Tiucele en la Franca Banko estas deponita aparta monsumo, kiun oni elpagos al la prezentanto de kvitanco kunmetita. Ĝi sufiĉas por la elspezoj de l'esploroj.

Henriko Schliemann."

Mi ne povas kaj ankaŭ ne volas publikigi ĉiun dokumenton. Sed estu menciita ankoraŭ unu el la plej gravaj:

„Kiam mi en la jaro 1873, kondukis la laborojn de esplorfosado de Troja kaj Hissarliki, kaj trovis en la *dua* Troja la faman trezorejon de Priamos, inter la trezoraĵoj mi trovis strangforman, ampleksan vazon. En la vazo mem estis metalo, diversaj argilaj vazoj, ujoj, kelke da statuetoj el stranga metalo, moneroj el la sama metalo kaj ostaj objektoj. Sur kelke da objektoj kaj bronzaj vazoj troviĝis per feniciaj hieroglifoj jena surskribo: „De l'reĝo Ĥronos el Atlantis."

Vi povas imagi al vi mian eksciton. Tio ĉi estis la unua, la plej unua materia pruvo de tiu granda kontinento, kies legendo ĝis hodiaŭ estis ĉiam vivanta en la mondo. Tiun ĉi materion mi sekretigis, ĉar mi intencis ĝin utiligi kiel eliran punkton al tiaj esploroj, kiuj estas ekstreme pli gravegaj ol la malkovro de cent Troja-oj. Sed antaŭe mi devis fini tiun laboron, kiun mi entreprenis kaj tion mi faris je tiom pli granda amo, ĉar mi esperis, ke mi trovos ankoraŭ pliajn kaj senperajn pruvojn rilate la pereintan kontinenton.

Kaj mia espero ankaŭ ne trompis min, tion vi povas legi en la dokumento signita per B.“

„En la jaro 1883 mi trovis en Louvre tian kolekton, kiun oni elfosis en Tiahuanaca, en Mezameriko, kaj en tiu ĉi kolekto mi trovis samformajn kaj sammateriajn fajencajn objektojn, kiel inter la trezoroj de Priamos. La simileco ne povis esti hazarda. La formo kaj ornamaĵo ne povas trompi. Ne estas eble, ke du artistoj, unu en Mezameriko, la alia sur insulo Kreto, povis fabriki du ekzakte samgrandajn, sammateriajn kaj samformajn vazojn kun la sama strigokapo.

La Mezamerika vazo estis provizita nek je Fenicia, nek je ia alia surskribo. Mi do rerapidis al mia vazo, kaj post longa, detala esploro mi konstatis, ke sur mia vazo, longe post ĝia deveno alia fremda mano skribis la hieroglifojn. Mi havigis al mi pliajn similajn vazojn el Tiahuanaca kaj tiel ĥemie kiel mikroskope ekzamenadis ilin. Tiu ĉi esplora ekzamenado sendube pruvis, ke tiel la Mezamerika, kiel la Troja-a vazo estis fabrikataj el unu kaj sama kurioza argilo, poste mi konstatis *ke tiu ĉi argilo estas trovebla nek en Fenicio, nek en Mezameriko.*

La metalajn objektojn mi igis analizi de fakuloj, ĉar mi mem ne povis konstati iliajn ecojn. Ili ne similis eĉ al unu de mi konata metalo. La ĥemia ekzameno pruvis, ke ĝi estas miksaĵo de plateno, alumeno kaj kupro. Ĝis hodiaŭ ne konata miksaĵo, kaj el ĝi estis fabrikitaj la Mezamerikaj kaj Troja-aj objektoj, kiuj estis nek Feniciaj, nek Mykeneaj, nek Mezamerikaj. Mia metalvazo donas la klarigon: *Ili devenis el Atlantis.*

Ĉar oni gardadis ilin inter la trezoroj de Priamos kaj tie eĉ en aparta kesto, tio pruvas, ke oni estimegadis ilin. Ilia ecaro postlasis neniun dubon pri tio, ke ili estis sanktaj, ceremoniaj objektoj devenintaj el la sama preĝejo. Ĉu ili estis restaĵoj de tia kulto, kiu regis en Atlantis kaj estis disvastigita ankaŭ en la kolonioj Kretaj kaj Mezamerikaj? Aŭ ĉu la patrinlando dissendadis ilin, kiel nuntempe la kristanaro dissendadas bibliojn kaj kiel iam Egiptujo donacadis al siaj kolonioj statuetojn de Izis?“

Tiu ĉi eksterordinara malkovro kaj mia malforta sano devigis min al pli rapidaj esploroj. En la Sanktpeterburga muzeo mi trovis unu el la plej antikvaj papirusaj banderoloj. Ĝi devenis el la tempo de S-ta Faraono devenanta el la dua dinastio, t. e. el la jaro 4571a antaŭ Kristo. En ĝi estas priskribita, ke ĉi tiu Faraono sendis ekspedicion „Orienten“ serĉi la postsignojn de tiu Atlantisa kontinento, el kiu devenis antaŭ 3350 jaroj (antaŭ la regado de tiu Faraono) la Egiptoj, alportinte kune kun si ĉiujn sciencojn de l'patrinlando. La esploristoj forsenditaj revenis post kvin jaroj raportante, ke ili trovis nek homojn, nek objektojn, kiuj povus ion atesti pri la malaperinta kontinento. Alia papiruso de l'Sanktpeterburga muzeo, kiun verkis Manetho, la Egipta historiisto, mencias la „13900 jarojn de la regado de l'Atlantisaj Saĝuloj“.

Surskribaĵo, kiun mi elfosis en Mykene, en Kreto, diras, ke Mizor, de kiu — laŭ la surskribo — devenas la Egiptoj (la antikvaj Egiptoj nomis Egiptujon „Mizraim“), estis filo de Taaŭt aŭ Thoth, dio de l'historio, kaj Taaŭt siaparte estis filo de Atlantisa pastro, kiu enamiĝinte je filino de l'reĝo Ĥronos, rifuĝis, kaj post longdaŭra vagado albordiĝis en Egiptujo. Li konstruis la unuan templon en Sais, kie li instruis al la popolo la filozofion kaj sciencon de sia hejma lando. La teksto de tiu ĉi nomita surskribaĵo estas tiom grava, ke mi tenis ĝin en sekreto. Vi trovas ĝin inter la dokumentoj signitaj per D.“

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] *St. Schulz* (Del. Kassa).

[1] El gazeto *Pesti Hirlap.*

## La brita asekurada leĝo

Post dekok monatoj de akra diskutado kaj agitado en la tuta lando, tiu ĉi leĝo fariĝis efektiva fakto. — De la 13 januaro, inter 12 kaj 13 milionoj da laboristoj kaj oficistoj, viroj kaj virinoj, ne plu devas timi tiel multe kiel antaŭe, malsanon aŭ akcidenton, tial ke, ĝis ia grado, la ŝtato zorgas pri ili. Ĉiuj tiaj personoj, kiuj, dum la dudek-ses semajnoj antaŭaj al la nuna momento, pagis sian kotizon al la registaro ricevos la helpon promesitan kaj voĉdonitan de la parlamento.

Tiu helpo estas dividita en kvin kategorioj:

1e *Kuracista,* t. e. senpagaj zorgoj donitaj de kuracisto elektita de la asekurato, kaj senpagaj kuraciloj.

2e *Malsanuleja,* t. e. flegado en malsanulejo aŭ alimaniere en okazo de tuberkulozo.

3e *Helpo dum malsano,* t. e. monsumo pagota dum 26 semajnoj, komence je la kvara tago de la malsano.

4e *Dum nekapableca periodo,* t. e. monsumo (pli malgranda ol en kategorio 3a) dum la tuta daŭro de la nekapableco labori.

5e *Patrineca helpo,* t. e. 15 Sm. je la naskiĝo de infano.

La helpo nomita en kategorio dua estas donita al multaj suferantoj je tuberkulozo jam de lasta julio, tuj post la akcepto de la leĝo ĉe la Parlamento.[1]

La helpo 5e fariĝis fakto la 13 januaro, kiam la gepatroj de ĉiu infano naskita post meznokto havis rajton ricevi 15 Sm. mone aŭ alie. De nun tuj post akuŝo, ĉiu virino ricevos tiun helpon, ĉu la edzo estas asekurata aŭ ne.

Oni kalkulas, ke almenaŭ miliono da familioj ricevos tiun helpon ĉiujare, kaj tiu leĝo permesos en multaj okazoj, ke patrino kaj novenaskito estu pli bone prizorgitaj kaj flegitaj ol antaŭe; ĝis nun en almenaŭ 250.000 okazoj ĉiujare, ne estis eble havigi al virinoj la postnaskajn necesaĵojn, kaj tio multfoje estis kaŭzo de morto, ĉu de patrino, ĉu de infano. Tiu danĝero estas de nun preskaŭ, se ne tute, forigita.

La aliajn helpojn ankaŭ de nun povos ricevi ĉiu persono, kiu plene pagis sian kotizon dum la fiksita tempo kaj laŭ la ĉi-suba tabelo:

| Aĝo je momento de la aliĝo al l'Asekurada Societo | Viroj | Virinoj | Semajnoj |
|---|---|---|---|
| 16 ĝis 21 (unua periodo) | Sm. 3,— | Sm. 2,50 | 13 |
| „ „ „ (dua periodo) | „ 2,— | „ 2,50 | 13 |
| 21 „ 50 | „ 5,— | „ 3,75 | 26 |
| 50 „ 60 | „ 3,— | „ 3,— | 26 |
| Post 60 (unua periodo) | „ 3,— | „ 2,50 | 13 |
| (dua periodo) | „ 2,50 | „ 2,50 | 13 |

Se personoj inter 16 kaj 21 estas edzigitaj aŭ devas zorgi pri parencoj, ili ricevos la ordinaran helpon (viroj 5 Sm.; virinoj 3.75 Sm.) dum 26 semajnoj. Tiujn helpaĵojn ricevos ĉiuj laboristoj, kiu ajn estas ilia salajro, kaj aliaj personoj kies salajro ne estas pli ol 1600 Sm. jare.

Jen tabelo de kotizoj pagotaj semajne por profiti la novan leĝon:

*Viroj:*

| Salajro | Dungato | Dunganto | Ŝtato | Sume |
|---|---|---|---|---|
| Pli ol Sm. 1,25 tage | Sm. 0,16 | Sm. 0,12 | Sm. 0,08 | Sm. 0,36 |
| Ne pli ol „ 1,25 „ | „ 0,12 | „ 0,16 | „ 0,08 | „ 0,36 |
| Ne pli ol „ 1,— „ | „ 0,04 | „ 0,20 | „ 0,12 | „ 0,36 |
| Ne pli ol „ 0,75 „ | — | „ 0,24 | „ 0,12 | „ 0,36 |

[1]) Mi ĵus legis ke ĝis la 4 februaro 4753 personoj ricevis helpon ĉe sanatorio aŭ malsanulejo (3360 en Anglujo, 664 en Skotlando, 349 en Kimrujo kaj 380 en Irlando).

*Virinoj:*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Pli ol Sm. 1,25 tage | Sm. 0,12 | Sm. 0,12 | Sm. 0,08 | Sm. 0,32 |
| Ne pli ol „ 1,25 „ | „ 0,12 | „ 0,12 | „ 0,08 | „ 0,32 |
| Ne pli ol „ 1,— „ | „ 0,04 | „ 0,16 | „ 0,12 | „ 0,32 |
| Ne pli ol „ 0,75 „ | — | „ 0,20 | „ 0,12 | „ 0,32 |

La asekurado estas deviga por ĉiuj personoj inter la aĝoj de 16 ĝis 70 jaroj, kiuj laboras en la Britaj Insuloj laŭ iu ajn kontrakto; manlaboristo devas asekuriĝi, eĉ se li gajnas pli ol 1600 Sm. jare, dum oficistoj nur estos devigataj aliĝi ian asekuran societon se ili ricevos malpli ol la dirita sumo. Inter la lasta kategorio de dungitoj estas geaktoroj, geinstruistoj de privataj lernejoj, bank- kaj komercaj oficistoj, makleristoj, dom-servistoj, k. t. p., k. t. p.

Alilanduloj, laborantaj je la supredirita kondiĉo ankaŭ devos esti asekurataj, sed ili ricevos la ŝtatan help-kotizon nur se ili loĝis en Britujo almenaŭ dum kvin jaroj antaŭ ol la leĝo estis voĉdonita. Povas — sed ne estas devigata asekuriĝi — ĉiu alia persono kiu private perlaboras sian vivon, sed ne gajnas pli ol 1600 Sm. po jaro; ekzemple, butikistoj ĉiuspecaj, ĝardenistoj, malgrandaj entreprenistoj, veturigistoj-posedantoj de sia propra veturilo, k. c., k. c.

Ĉiu asekurato posedas asekuran karton, sur kiun ĉiusemajne devas esti algluita speciala marko, laŭ supremontritaj valoroj. Ĉiutrimonate la karto estas sendata al la asekurada oficisto por kontrolado.

Ŝtataj oficistoj kaj laboristoj, kiuj jam pagas iun devigan kotizon por estonta pensiono ne bezonas asekuriĝi laŭ la nova leĝo; aliaj liberigitoj estas: 1e Lernantoj, kiuj ne ricevas salajron; 2e personoj laborantaj sen salajro ĉe terkultura bieno; 3e infanoj de dunganto, aŭ aliaj personoj vivantaj ĉe li sen salajro; 4e edzinoj laborantaj kun la edzo aŭ reciproke; 5e vidvinoj de pensiuloj, kiuj laboras nur por iom pligrandigi sian havajon; 6e personoj pagataj komisie aŭ alimaniere ol per difinita salajro.

Jen mallonge klarigita la esenco de la leĝo. Por ĉion klarigi kaj pridiskuti multaj numeroj de „Esperanto" estus necesaj. Iu jurnalisto efektive kalkulis ke kelkaj milionoj da vortoj estis elparolitaj ĉe la Parlamento dum la diskutoj kaj nur malgranda parto de la leĝo estis plene publike priatentita.

Se iu diskutema samideano ne estas kontenta, pro la manko de detaloj, li aĉetu unu el la multaj libroj kaj broŝuroj klarigaj. La tekston de la tuta leĝo oni povas aĉeti por kelkaj spesoj. *Paul Blaise* (London).

---

## Amerikaj pejzaĝoj kaj urboj

Ni de du tagoj estas antaŭ la brazila marbordo. La ŝipo preterpasis antaŭ Rio-de-Janeiro ne haltante; ni de malproksime distingis la Sukerkonuson, granita gardostaranto ĉe la eniro de l'golfeto, kaj jen ni estas antaŭ la mallarĝa trapasejo de Santos. Je la ektagiĝo, la ŝipo enveturas la mallarĝan kaj serpentan marbrakon, kiu kondukas al la haveno. Ni malrapide glitas inter du marĉaj bordoj, kiuj proksime de la akvo leviĝas je bluaj montetoj, sur kiuj distingiĝas la glataj trunkoj de la palmarboj kaj kokosujoj kronitaj de siaj larĝaj folioj. Kelkaj minutoj sufiĉis por transformi en blindigan helecon la unuajn palajn lumetojn, kiuj aperas ĉe la Oriento. La tropikaj regionoj konas nek la matenruĝojn, nek la krespuskojn; la naturo abrupte pasas de la nokta trankvilego al la taga vivego. Super la montetoj aperis la suno, ruĝa disko tratranĉata de nuboj strange striataj je longaj nigraj banderoloj, kaj ĝi jam dispelas la nubegojn, kiuj dormas super la marĉoj. Ni dekstre preterpasas malnovan portugalan fortikaĵon, kiu starigas siajn blankajn murojn super bukedoj de bananarboj. Pli malproksime, montriĝas ĉarme senkultura kaj tropika pejzaĝo: sur la marĉa grundo kriplaj sennombraj plantaĵoj intermiksas siajn larĝajn foliojn: kelkaj fiŝkaptistaj kajutoj, ŝmiritaj ruĝe, blue kaj flave, ekaperas el tiu densega vegetaĵaro. La koloroj, lavitaj de la nokta malsekaĵo, ŝajnas kiel akvopentraĵoj; barkoj makuletas la marverdan akvon. Ĉe la maldekstra bordo montriĝas la malbela agado de la civilizacio: remizoj, longaj kajoj, kie kuras vagonaro, bruaj levilegoj senŝarĝigantaj la ŝipojn, viroj kurbigataj sub la pezo de la kafsakoj, kiujn ili portas en la internaĵojn de aliaj ŝipoj. Kia stranga rasmikseco en la svarmanta loĝantaro de la kajoj de Santos! Degenerintaj negroj, restaĵoj de la sklaveco, brunaj Indianoj, kiujn oni facile konfuzas kun Japanoj, ankaŭ multaj, Hispanoj, Portugaloj, Italoj...

Santos estas granda haveno, kie oni surŝipigas la du trionojn de la kafo tutmonde konsumata. Kiel okazas, ke en la varmaj landoj la agado ne ekstere montriĝas? Tie ĉi ŝajnas, ke ĝi estas limigita je la kajoj. La urbstratoj estas malgajaj; sur la pavimo varmigata de la senmova ĉielo resonas la paŝado de mulo tiranta ĉareton. La malaltaj malnovaj domoj estas silentaj. En kafmagazeno viroj laboras kantante laŭ malrapida ritmo; tian kanton jam kantis la sklavoj, kaj ĝi ŝajnas akompani la bruon de la ŝoveliloj en la kafgrajnoj. Vivantaj estas sole la kafejoj, kie en freŝa duonlumo oni servas kafon kaj la akvon, kiun rajtas ĉiu pasanto. Pli malproksime, en la popola kvartalo, virinoj sidas ĉe la pordosojlo, kapvestataj je silko flava, blua aŭ ruĝa, kiel la ŝmiraĵo, kiu kovras la murojn. Tiuj intensegaj tonoj, kiuj ĉie aliloke malplaĉus, estas tie ĉi harmoniaj; la malpurigitaj koloroj brilegas. Ĉiutaga miraklo de l'suno!

Je kelkaj kilometroj de Santos, sur la vojo al São-Paulo, en la brazila *matto*, granda vagono, kun larĝaj fenestroj, randiras la misterplenan praarbaron, kun ĝia nevidebla loĝantaro el bestoj kaj insektoj. Por gardi sian netuŝeblecon, la lianoj teksis komplikan reton inter la densaj arboj; iliaj flekseblaj trunketoj kunligas pinton kun alia pinto, la parazitoj de la arbaro kunigas siajn verdajn tufojn kun la arbaj foliaroj. La spireganta vagonaro supreniris pli alten; jen, oni nun superrigardas la grandegan arbaron. Surrampante la montojn, plenigante la valojn la *matto* atingas preskaŭ la altan ebenaĵon, kiun okupis la civilizacio. Tie staras São-Paulo, eŭropŝajna urbo kun teatroj, universitato, preĝejoj, kaj stratoj trakurataj per veturiloj kaj piedirantoj, pli malproksime larĝaj avenuoj borderataj de riĉaj loĝejoj. En la ĝardenoj kaj sur la placoj la bambuoj, la palmarboj, la bananarboj ŝajnas maloftaj plantaĵoj. Antaŭ tiu ondolinia kamparo, kovrata de herbejoj kaj horizonte barata de la harmonia linio de l'montetoj, oni preskaŭ forgesas la malproksimlandan pejzaĝon de Santos kaj la tropikan vegetaĵaron de l'*matto*. Ĉu tio ne estas iu pejzaĝo el Francujo? Por Franco la iluzio fariĝas kompleta, kiam li konas Paŭliston (São-Paulo'ano), kiu tiel flue parolas la francan lingvon kaj ŝatas aŭdi pri la franca literatura kaj arta vivado.

Por retrovi la malproksimlandan karakteron, oni devas iri al la ruĝa tero, la tero de l'kafo, ĉe la riĉaj posedantoj kun princa gastemeco. Preskaŭ absolutaj mastroj ili posedas grandegajn bienojn, kie ĝis nevidebleco staras la kafarboj. Ĝi estas la tempo de la rikolto: tutaj familioj de enmigrintoj kolektas el la arbetoj la ruĝajn berojn, kiuj senŝiligitaj, lavitaj kaj sekigitaj, liveros la valoran grajnon.

Por iri de São-Paulo al Rio-de-Janeiro oni devas trapasi la ruĝan teron. Samtempe kun la malsupreniro oni denove enpenetras la tropikan imperion. La vojo laŭiras la Parahiba. Tie ĉi la rivero fluas en valo, inter verdaj montetoj, makulataj de okro kaj cinabro; ĝiaj bordoj estas borderataj de nigraj ŝtonegoj strange distranĉataj. Malproksime profiliĝas la malluma maso de arbaro, dum borde de l'akvo izola arbo

lasas siajn lianojn pendi ĝis la grundo. La bambuoj, grandaj kiel arboj, starigas murojn en la kamparo. Rapidfluoj ŝaŭmigas la akvon. La vagonaro haltas en iu vilaĝo, kies unikan straton borderatan de malnovaj domoj oni vidas kun la maljuna portugala preĝejo flave ŝmirita. Ĉe la horizonto, blukolorata, aperetas la denta montaro de Mantiqueira. La vojo nun trapasas la Serra do Mar, kies pintoj banas en la ora sunkuŝiĝo.
*(Daŭrigota.)* *Charles Lesca*
Trad.[1] *A. R.*

## Difekto de fama bildo

La mondo ankoraŭ ne forgesis la perdon de „Gioconda" el Parizo kaj jen jus okazis simila akcidento. En Moskvo ekzistas konata „Bildgalerio de Tretjakov", enhavanta multajn ĉefverkojn plejparte de rusaj pentristoj, inter kiuj estas la fama bildo „Caro Ivano IV la Minaca mortigas sian filon la 16 septembro 1581". Oni ne bezonas esti spertulo pri pentrarto por eksenti teruran impreson, kaŭzatan de tiu bildo, figuranta kvazaŭ reale la timigan scenon de l'mortigo. Multe mi aŭdis kaj legis pri tiu ĉi rimarkinda artaĵo antaŭ kiam mi ekhavis la eblecon vidi kaj admiri ĝin persone. Mi jam antaŭe bone sciis la temon laŭ kopiaĵoj, sed kiam mi — studento antaŭ dek-kvar jaroj — eniris en la ĉambron, kie ĝi pendas, mi estis tiel forte frapita pro la terura impreso, ke estis preskaŭ tuj svenonta; ŝajnis, ke la sango, elfluanta el vundo sur tempio de l'carido tuj ŝprucos min; mi longe staris silente kaj deiris ravita. De tiam mi ne unu fojon sonĝis tiun ĉi scenon, malgraŭ ke mi poste vidis la similan efektive. Kaj jen — nun tiu ĉi artverko estas tranĉita de iu frenezulo, veninta en galerion la 29 januaro je la 10 matene; li tuj tordiĝinta per konvulsioj estis kaptita de servistoj kaj nun estas gardata en frenezulejo. Feliĉe, ke la amata aŭtoro eminenta prof. Repin, jam maljunulo, ankoraŭ vivas, li tuj elveturis el Peterburgo Moskvon por ekzameni, ĉu estas eble ripari la bildon; oni esperas, ke li tion prosperos. Estas interesa la rakonto de l'aŭtoro pri deveno de tiu bildo. Li en 1881 foje vizitis novan operon de Rimskij-Korsakov, kies muziksonoj inspiris lin pentri la bildon; la vizaĝon de Caro Ivano IV li kopiis de multaj ĉifonuloj vagistoj kaj por la carido pozis fama verkisto Garŝin. La laboro estas malfacila, daŭrinta 5 jarojn; S-ro Repin diras, ke li laboris, kvazaŭ ensorĉita, mem timante la bildon kaj iom kaŝante ĝin for, sed ĉiam „io tiris min al ĝi". Estas stranga fatala koincido de la tempoj: la carido estis mortigita de sia patro, pro defendo de l'batita graveda patrino, la 16 septembro 1581 kaj post 300 jaroj S-ro Repin komencis la bildon, li pentris la caridon 3 tagojn, samajn datojn la carido suferis antaŭ sia morto. La aŭtoro diras, ke pentrante li ne sciis la precizan daton de la suferoj de l'mortigito kaj kiam poste li eksciis, li ekmiregis „mi neniam povas forgesi tian fatalan koincidon de l'datoj!" Kiam la bildo estis finita, multaj estis tiom frapitaj de terura impreso, ke ili protestis, postulante kaŝi ĝin, sed imperiestro Aleksandro III ordonis restigi ĝin en sama ejo. Ankaŭ estas interesa la koincido, okazinta en la hejmo de S-ro Repin antaŭtagon de l'freneza ago: estis okaze trovita en libraro forgesita letero de Leo Tolstoj de 1885, priskribinta sian impreson post la Ia observo de l'bildo; tiun ĉi leteron oni relegis kaj aliaj transskribis por memoro, kaj la sekvintan tagon estis ricevita la telegramo pri la monstra ago de l'frenezulo. S-ro Repin diras, ke la novan bildon li ne ripetos, se sukcesos riparo estos bone, se ne, la bildo pereu. Ĝi estis aĉetita por 15.000 rubloj, sed nun jam mankas mono por sufiĉe taksi tian altvaloran artaĵon. Ĝi ampleksas 261/194 centimetrojn.

*N. Foss* (Del. Ufa).

[1] El „*Revue d'Europe et d'Amérique*".

# NOTOJ

∴ **Mondkongreso de la Internacia Asocioj.** — La unua kongreso okazis en Bruselo je 1910 kaj havis notindan influon je la internacia movado. La 132 asocioj tie reprezentitaj la unuan fojon diskutis pri demandoj komune interesaj kaj alprenis rezoluciojn por faciligi ilian kunlaboradon, kunordigi iliajn programojn, metodojn kaj laborojn. El tiu kongreso naskiĝis la Unio de la Internaciaj Asocioj. Ĝi kreis konstantajn rilatojn inter la aliĝintaj organismoj kaj kreis internacian centron organizitan por faciligi la studon kaj la agadon de ĉiuj Asocioj.

La 2a kongreso, kiu okazos en Gento (Belgujo), la 15—18 junio 1913, celas daŭrigi la laboron komencitan en 1910. Jen la ĉefaj temoj de la kongreso:

*1a Sekcio:* Kooperado, komunaj entreprenoj. *2a Sekcio:* Regularo, leĝaro (ekzameno de la demandoj rilataj al la jura internacia aŭ eksternacia reĝimo de la internaciaj Asocioj). *3a Sekcio:* Unuecigo de la sistemoj de unuoj. *4a Sekcio:* Dokumentado kaj eldonaĵoj. Ekspozicio kaj instruado. *5a Sekcio:* Scienca kaj teknika lingvo.

La internaciaj Asocioj aliĝintaj al la Unio ne bezonos pagi specialan kotizaĵon por la partopreno ĉe la kongreso. La aliaj pagos 50 fr. po Asocio. La individuaj membroj pagos kotizaĵon da 20 fr. Por ĉiuj informoj sin turni al la Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj, 3bis, rue de la Régence, Bruselo.

∴ **Xa Internacia kongreso pri loĝejoj.** — La 8 septembro 1913 kaj sekvontajn tagojn, laŭ invito de la Nederlanda kaj Hagaurba registaroj, la internacia loĝejo-kongreso kunvenos unuan fojon en Nederlando, nome en la Kurhaŭso en Ŝeveningen.

La pritraktotaj temoj estas: I Plibonigo de loĝejaj situacioj en la kamparo. — II Plibonigo kaj forigo de malsanigaj loĝejoj. — III Trologiĝo en loĝejoj. — IV Leĝa regulado de la urbo-plivastigo.

La diskutoj pri ili estas preparataj de raportoj el diversaj landoj, verkotaj de tiuj, kiuj estas plej kompetentaj pri unu el la diritaj punktoj. Dum la antaŭkongresaj monatoj ĉi tiuj raportoj estos alsendataj al la kongresanoj, kiel ankaŭ la revuoj pri la progresoj de l'loĝaj situacioj dum la lastaj jaroj, ricevotaj el diversaj landoj.

Samtempe oni ebligos al la kongresanoj, en la lokoj mem konatiĝi kun tio, kio estas farita rilate loĝejkonstruo kaj urbo-disvastigo. Kun bonvola kunhelpo de urbaj registaroj kaj privatuloj okazos ekskursoj al Amsterdam, Arnhem, Hengelo, kaj esperate, ankaŭ al Rotterdam kaj Enschedé. Dume tiuj ekskursoj promesas esti instruriĉaj por ĉiu, kiun interesas la plibonigo de popola loĝado; ili samtempe servos por doni al eksterlandaj vizitantoj ideon pri la beleco de Nederlando. Verŝajne ankaŭ alimaniere la kongresanoj povos formi al si imagon pri tio, kio estas farita en Nederlando rilate la loĝado. Ĉe la Unuiĝo: „Nederlanda Kongreso por publika higieno-regulado" estas intencoj, por organizi en Ŝeveningen Elekto-ekspozicion de l'plej ĉefa, kion oni faris kaj faras nialande, koncerne popola loĝado kaj urbo-konstruado; tiu ekspozicio estos bonvole malfermata por la anoj de l'Loĝo-Kongreso. — Laŭ *„Telegraf"-a sciigo.* Trad. *C. G. S.*

∴ **Statistiko de la germana poŝtĉeka instituto.** — En la registro de la germana imperia poŝto la nombro de la kontuloj de la poŝtĉeka instituto je la fino de decembro atingis 75.203. En tiuj ĉi poŝtĉekaj kontoj oni registris en decembro 1426 milionojn da kreditoj kaj 1407 milionojn da debitoj. La tuta kredita havo de la kontuloj estis en decembro meznombre 161 milionoj da markoj. Interrilatinte kun la oficejo de la poŝtŝparkaso en Vieno, kun la poŝtŝparkaso en Budapest, kun la luksemburga kaj belga poŝtoficejoj kaj ankaŭ kun la svisaj poŝtĉekkontoroj la germanaj poŝtĉekoficejoj transmetis ĉirkaŭ 7,6 milionojn da markoj kaj nome per 3010 transmetoj en la direkto al la eksterlandoj kaj per 14.150 transmetoj en la direkto el la eksterlando. — *H. Fricke* (Del Frankfurt).

# LITERATURO

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

Ŝi nun sidis sola, neniu el ŝiaj gefratoj estis apud ŝi kaj ŝi donis sin al siaj pensoj, kiuj trankvile travagis ŝiajn interrilatojn. Ŝi nun vidis sin kunigita eterne kun tiu viro, kies amon kaj fidelecon ŝi konis, je kiu ŝi estis kore sindona, kies trankvileco, kies solideco ĝuste ŝajnis destinita de la ĉielo por tio, ke brava virino fondu sur ili la feliĉon de sia vivo; ŝi sentis, kio li estus ĉiam por ŝi kaj ŝiaj infanoj. Aliflanke Werther estis al ŝi tiel kariĝinta; tuj de la unua momento de lia konateco la harmonioj de iliaj ecaroj tiel bele montriĝis, la longedaŭraj rilatoj kun li kaj tiom da havitaj situacioj faris neestingeblan impreson sur ŝian koron. Ĉion, kion ŝi sentis kaj pensis interesan, ŝi kutimiĝis dividi kun li, kaj lia foriro minacis ŝiri breĉon en ŝian naturon, truon ne plu plenigeblan. Ho, se ŝi povus ĉi tiu momente aliigi lin je frato! kiel feliĉa ŝi estus! — Se ŝi povus edzigi lin kun unu el siaj amikinoj, se ŝi povus esperi ankaŭ tute rebonigi liajn rilatojn kun Alberto.

Ŝi trapensis siajn amikinojn laŭvice kaj ĉe ĉiu trovis ion kritikindan, trovis neniun, kiun ŝi malenviis je li.

Dum ĉiuj tiaj meditadoj ŝi nur sentis profunde, ne klarigante ĝin al si, ke estas ŝia kora, kaŝita deziro reteni lin por si, kaj diris al si, ke ŝi ne povas reteni lin, ne estas permesate; ŝia pura, bela, alitempe tiel facila kaj tiel facile sin helpanta ecaro sentis la premadon de melankolio, al kiu estas fermita la espero de feliĉo. Ŝia koro estis premegita kaj malluma nubo kuŝis super ŝia okulo.

Tiamaniere ekestis la sepa, kiam ŝi aŭdis Werther suprenvenantan la ŝtuparon kaj baldaŭ ekkonis lian iradon, lian voĉon, kiu demandis pri ŝi. Kiel ekbatis ŝia koro, kaj ni preskaŭ estas pravaj diri, la unuan fojon, je lia alveno. Ŝi volonte malkonfesigus ŝian ĉeeston kaj, kiam li eniris, ŝi kontraŭvokis al li kun ia maniero de pasia konfuzeco: „Vi ne plenumis vian promeson". — „Mi promesis nenion", estis lia respondo. „Tiam vi almenaŭ estus devinta agi laŭ mia peto", ŝi diris, „mi petis vin pro la trankvileco de ni ambaŭ."

Ŝi ne bone sciis, kion ŝi diris, same malbone, kion ŝi faris, kiam ŝi venigis kelkajn amikojn, por ke ŝi ne estu sola kun Werther. Li surmetis kelkajn librojn, kiujn li alportis, demandis pri aliaj kaj ŝi deziris jen, ke la amikinoj venu, jen ke ili forrestu. La servistino revenis kaj alportis la sciigon, ke ambaŭ senkulpigis sin.

Ŝi volis sidigi la servistinon kun ŝia laboro en la apuda ĉambro, poste ŝi decidiĝis alie. Werther iris tien kaj reen en la ĉambro, ŝi ekiris al la fortepiano kaj komencis menueton; ĝi ne volis flui. Ŝi penis kaj sidiĝis kviete apud Werther, kiu okupis sian kutiman lokon sur la kanapo.

„Ĉu vi havas nenion por legi?" ŝi diris. Li diris nenion. „Tie en la tirkesto", ŝi komencis, „kuŝas via traduko de kelkaj kantoj de Ossian; mi ne ankoraŭ legis ilin, ĉar mi ĉiam esperis aŭdi ilin de vi, sed ĝis nun volis nek okazi nek fariĝi". Li ridetis, alportis la kantojn, tremado atakis lin, kiam li prenis ilin en la manoj kaj liaj okuloj estis plenaj je larmoj, kiam li rigardis ilin. Li sidiĝis kaj legis:

* * *

„Stelo de l'nokto krepuskanta, bele vi briletas en okcidento, levas vian brilan kapon el via nubo, migras majeste vian monteton. Kien vi rigardas sur la herbejo? La ventoj blovegantaj kuŝiĝis; de malproksime venas la murmuro de l'torento; muĝantaj ondoj ludas ĉe la roko malproksime; la zumado de l'vesperaj kuloj tremetas super la kamparon. Kien vi rigardas, bela lumo? Sed vi ridetas kaj foriras, ĝoje ĉirkaŭas vin la ondoj kaj benas vian ĉarman hararon. Adiaŭ, trankvila radio. Aperu, vi belega lumo de l'animo de Ossian.

Kaj ĝi aperas en sia forto. Mi vidas miajn amikojn mortintajn, ili kolektiĝas sur Lora kiel en la tagoj kiuj estas pasintaj — Fingal venas kiel malrekta kolono de nebulo; ĉirkaŭ li estas liaj herooj, kaj, jen! la bardoj de l'kanto: griza Ullin! majesta Ryno! Alpin, ĉarma kantisto kaj vi kviete plendanta Minona! — Kiel aliaj vi estas, miaj amikoj, de la festaj tagoj sur Selma, kie ni luktis pro l'honoro de l'kantado kiel printempaj aeroj laŭlonge la monteton alternante fleksas la herbon murmuretantan. *(Daŭrigota.)*

---

∴ **La monda produktado de l'teo.** — La monda produktado de l'teo estas taksata je 317 milionoj da kgr. por 1911. Ĝi dispartiĝas jene laŭ la teproduktantaj regionoj:

| | |
|---|---|
| Hindujo | 123.200.000 kgr. |
| Cejlono | 85.000.000 „ |
| Ĥinujo | 53.600.000 „ |
| Java | 22.900.000 „ |
| Japanujo | 19.400.000 „ |
| Formose | 11.600.000 „ |
| Natalo, Siamo | 1.400.000 „ |
| Sumo | 317.100.000 kgr. |

Tiuj ciferoj ne enkalkulas la produktadon por la enlanda konsumado de Ĥinujo kaj Japanujo. Nur por Ĥinujo oni atingus proksimume 774.600.000 kgr. Tio klarigas, kial la eksportado estas relative nealta.

La jaran konsumadon de la teo oni povas taksi jene:

| | |
|---|---|
| Britujo | 134.100.000 kgr. |
| Nord-Ameriko | 62.500.000 „ |
| Rusujo | 49.800.000 „ |
| Aliaj eŭropaj landoj | 15.900.000 „ |
| Persujo | 3.600.000 „ |
| Maroko, Alĝerio, Tunizio | 3.400.000 „ |
| Sud-Afriko | 3.200.000 „ |
| Arĝentino kaj Ĉilio | 3.200.000 „ |
| Hindujo (kun la importita teo) | 7.000.000 „ |
| Ĥinujo (importo) | 7.300.000 „ |
| Sumo | 308.100.000 kgr. |

Al tiu sumo oni devas aldoni la pulvoran teon, kiu ĉu en la produktantaj landoj, ĉu alilande estas uzata por la ekstraktado de la teino (verŝajne 2.700.000 kgr. jare). En ĝenerala maniero oni povas diri, ke la tekonsumado kreskas malrapide sed regule; la produktado ekvilibriĝas kun la konsumado. Oni do ne povas paroli pri troproduktado de teo. — Laŭ *The Indian Agriculturist.*

∴ **New-York, internacia urbo.** — La ĉefa faktoro de la pligrandiĝo de la urboj en la novaj landoj estas la enmigrado. Certe New-York estas la plej kosmopolita urbego. Pro la granda nombro de la germanoj (659.000) ĝi estas la tria germana urbo, la kvara aŭstria urbo (177.198), la kvina sveda urbo, la sesa norvega urbo, la sepa itala urbo kaj la ĉefa irlanda urbo (592.210). Ĝi ankaŭ fariĝis la vera centro izraelida (659.000). — Laŭ *La Vie Internationale.*

∴ **Internacia Kongreso kontraŭ alkoholismo.** — Tiu kongreso okazos en Milano de la 22 ĝis la 28 septembro 1913. Jen la ĉefaj temoj ekzamenotaj: 1e morala degeneriĝo kaŭzita de alkoholo. 2e Alkoholismo je la ekonomia vidpunkto. 3e Utiligo de la vinbero por la fabrikado de senalkoholaj produktoj. 4e Mastroj kaj laboristoj en la kontraŭalkohola batalo. 5e La antialkoholaj ekspozicioj. 6e La kuracado de la drinkemuloj. 7e La limigo de la drinkejoj. 7e La lernejo kaj antialkoholismo.

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*H. C. Mees.* **La kaŭzo de la senlaboreco.** Universala Esperantia librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. Prezo: Sm. 0,60.

Tiu originala verko „ne pretendas esti bela literaturaĵo; la valoron estas dononta al ĝi la enhavo." Per tiuj vortoj la originala aŭtoro prezentas sian verketon al la leganto. Li certigas ke, sekvante nur la postsignojn de Malthus, li trovis la kaŭzon de la senlaboreco. Mi opinias, ke tiu grava socia problemo ne estas tiel facile solvebla aŭ klarigebla kaj ke la senlaboreco havas plurajn kaŭzojn. Sed mi ne posedas la necesan kompetentecon por science diskuti la tezon de S-ro H. C. Mees. Mi preferas diri, ke lia stilo estas bona kaj korekta kaj la argumentoj metode prezentitaj. Mi nur bedaŭras, ke S-ro Mees ne dividis sian verketon en ĉapitroj kun specialaj titoloj: tiel la legado estus multe faciligata.

* * *

*Felix Ortt.* **Al mia fratineto, letero pri la seksvivo,** trad. A. Müller. Eldonejo „Chreestarchia", Soest (Nederlando). Prezo: Sm. 0,40.

Sur lerneja korto kvar knabinetoj interbabilis kaj rakontis, kie ĉiu el ili naskiĝis. „Oni trovis min en luksa saksa florvazo, diris unu. — Kaj min en arĝenta kesteto, diris la dua. — Kaj min sub bela diamanto! fieris la tria. — Kaj vi, kie vi naskiĝis? ili demandis la kvaran, kiu silentis. — „Ho ve! miaj gepatroj estas tro malriĉaj por aĉeti tiel kostajn objektojn, ŝi humile respondis; tial siajn infanojn mia panjo faras mem!"

Tiujn instruojn pri la seksvivo, kiuj mankis al tiuj naivaj knabinoj, unu pliaĝa kaj sperta frato celas doni al sia 16-jara fratino en la verketo de S-ro Felix Ortt. Per ekzemploj elĉerpitaj el la floroj, el la bestoj, S-ro F. O. iom post iom alvenas al la homa seksvivo kaj reprodukto, kiun li priskribas per iom precizaj esprimoj. Ĉu li ĉiam traktis la malfacilan demandon kun la necesa delikateco, la legantoj mem juĝos, ĉar mi spertis, ke la efekto ne estas sama por ĉiuj.

La stilo de la traduko ne estas atente prizorgita, precipe en la unua duono de la 30-paĝa libreto. Ne parolante pri evidentaj preseraroj, mi notis kelkajn kriplajn radikojn, ekz. *misterio* (mistero), *diciplo* (disciplo), *frajno* (frajo), — gramatikajn malkorektaĵojn: la *unue* (la unuan fojon), *unuiĝita, edziĝita* (-igita, iĝinta), kaj pli multajn erarojn pri verbaj tempoj kaj modoj. Tiujn elsulkiĝojn oni facile povos korekti en dua eldono, kiun mi deziras baldaŭa.

* * *

**Bohemaj kantoj,** trad. *Rudolfo Dostal,* Vieno IX/4, Lustkandlgasse 15.

Pri tiu hektografita kolekto de muzikaĵoj mi ne povas fari pli bone ol rekopii la antaŭparoleton de S-ro R. Dostal:

„Provinte esperantigi kelkajn el la amasa riĉeco la plej konatajn bohemajn popolkantojn, mi ne atentis en la tradukoj tiel severe pri la korektaj rimoj, kiel pri la laŭsenca kaj preskaŭ laŭvorta transmeto. La konantoj de la afero scias, ke la originaloj ankaŭ ne estas rimpuraj. Se mi trafis klare kopii la naivan senton de tiuj ĉi popolkantoj, tio min jam kontentigus kaj samtempe tio ree pruvus, kian mirindan flekseblecon Esperanto enhavas. — Pro tio, karaj kantoj, plezurigu kelkhore la Esperantistaron!"

* * *

**Ruĝa standardo,** internacia himno de socialistaj esperantistoj, verkita de *Paul Brousse,* esperantigita de *Eska;* ricevebla kontraŭ unu respondkupono ĉe la eldoninto S-ro Medzkiewicz, str. Strzelecka 13-I., Krakow (Aŭstrio Polujo).

Ĉi tiu himno vere meritas esti konata ne sole en socialistaj rondoj, sed inter ĉiuj esperantistoj, ĉar bonega ritmo de la marŝo, belega melodio kaj ideoplena versaĵo, verkita de nia poeto Eska (unu el la ŝatataj aŭtoroj de *Unuaj Agordoj*), starigis tiun himnon sur alta, ĝenerala nivelo.

* * *

**Internacia krestomatieto,** kun vortaro seslingva, kolektis *A. Ajspurit.* — Moskva librejo „Esperanto" 26, Tverskaja, Moskvo (Ruslando). Prezo: Sm. 0,15.

Bonega estas tiu malkara krestomatieto kaj ĝi povos fari grandajn servojn al la esperantaj instruistoj. Ĝi enhavas 32 paĝojn da diverstemaj tekstoj metode ordigitaj. Mi plezure rimarkis poezietojn de D-ro Zamenhof, de Romano Frenkel, fablon de Th. Cart (La arbeto kaj la ŝirmbastonoj), tradukojn de Vallienne, G. Davidov, Villanueva, Touchebœuf, Lederer, kaj aliaj konataj esperantistoj. La seslingva laŭartikola vortaro (paĝ. 33—48) faras tiun libreton vere internacia kaj tre oportuna.

* * *

**Les Relations internationales.** Comment les faciliter? Comment les développer?

**International Relations.** How to facilitate? How to develop?

**Die internationalen Beziehungen.** Wie erleichtert man sie? Wie vermehrt man sie?

Mendeblaj ĉe Centra Oficejo de U. E. A., 10, Rue de la Bourse, Genève. (10 ekz. = 10 sd.; 100 ekz. = 70 sd.)

Tiu bonega propaganda folio entenas 1e klarigon pri U. E. A., ĝiaj celo, organizo, servoj; 2e noteton pri la lingvo Esperanto; 3e aliĝilon al U. E. A.

* * *

**Zakopane Tatroj kaj Pieniny,** ilustrita gvidlibro, en pola lingvo verkis Jan Rusin, eldonis la organiza komitato de la Oka Kongreso en Kraków (1912). *Verto.*

* * *

**Das Esperanto ein Kulturfaktor.** Festschrift anlässlich des 7. deutschen Esperanto-Kongresses in Danzig-Zoppot (27. julio ĝis 1 aŭgusto 1912). Ricevebla ĉe Ader & Borel, Dresden. Prezo: Sm. 1.—.

Ni povas varme rekomendi ĉi tiun libron speciale al niaj germanaj samideanoj. Prof. D-ro Ledermann kolektis kun modela zorgo plej diversajn artikolojn, kiuj estas vera trezoro por propagandistoj. Multaj praktikaj proponoj pri efika propagando estas pritraktataj de spertaj, konataj Esperantistoj. Speciale rimarkinda estas la parto verkita de Prof. Christaller: „Armiloj por Esperanto", en kiu trafe estas rebatitaj ĉiuj kontraŭdiroj de eksteraj kaj internaj malamikoj. — *F. F.*

* * *

### Aliaj ricevitaj verkoj

*Turgenev.* **Fantomoj** (fantaziaĵo), el la rusa lingvo tradukis D-ro *Andreo Fiŝer,* Bucuresti, editura Esperanto, 14, str. Belvedere. Prezo: Sm. 0,10. — **Conférence contradictoire sur l'Esperanto et l'Ido,** orateurs: prof. C. Aymonier, camarade Papillon. Prezo: Sm. 0,10. — *E. Privat.* **Karlo,** rakonto en 20 ĉapitroj, kvara eldono entute represita laŭ la originala manuskripto, dek-dua milo. Univ. Esp. librejo, 10, rue de la Bourse, Genève (1912). Prezo: Sm. 0,20. *Kolomano Mikszath.* **Fantomo en Lublo,** trad. el hungara lingvo *Eŭgeno Forster.* Budapest 1912, Ludoviko Kokai. Prezo: Sm. 0,45. — **Meissena Porcelano.** Dresden 1912. Saksa esperantista Instituto. Prezo (ne montrita). — **Dainos kantoj,** por miksita ĥoro de *J. Naujalis.* Prezo (ne montrita). — **Intermita Sciigo,** no 2, 1912, 6-paĝa broŝureto. Kapit. Klingenberg. Kristiania (Norvegujo). Prezo: Sm. 0,15. — *Odo Bujwid.* **Kvin prelegoj pri bakterioj.** Krakovo, Gebeshner K. Kio. Prezo: Sm. 0,50. — **Esperanto,** 10 centesimi, Kooperativa esper. italiana, Genova — Salita Pollainoli 13—4. — D-ro J. B. Marchlewski. **Ekonomio socia,** esper. *Emilo Pfeffer.* Krakovo (Esper. eldona societo). Prezo: Sm. 0,10. *Verto.*

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko „Esperantismo" speciale de la Delegitoj de U. E. A. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkafoje ilin resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al ĉiuj kunlaborantoj precizecon: ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), proksimuman nombron de ĉeestantoj ĉe kursoj aŭ paroladoj, la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj gazetoj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton. Plie, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al ni kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiu reklamo estas cetere tute utila. Senutile estas diri, ke ni poste danke ricevos raporton pri tiaj manifestadoj. Por esti enpresataj en la plej proksima n°, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevitaj de ni *antaŭ la 10. kaj 25. de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Peterburgo.* — En la teknologia Instituto fondiĝis grupo kun 64 membroj. — E. D.

*Aŭckland* (Nov-Zelando). — S-ro Russell fondis novan grupon ĉe socialistoj kaj ĉiusemajne instruas 14 anojn.

*Blagobresĉesck a/A.* (Siberio). — Post kunveno de la lokaj Esperantistoj kaj paroladoj de S-roj A. Borisov kaj Kabanov, fondiĝis societo kun 25 membroj. — A. B.

**Novaj kursoj.** — *Bordeaux.* — Post klopodoj ĉe diversaj lernejoj de la prezidanto de la grupo kaj de la sekretario la jestro de „Lernejo Montgolfier" petis de la grupo profesoron por lernigi Esperanton ĉe la lernejo mem.

S-ro Brunet, Del. en Bordeaux kaj DD, estas la profesoro. La kurso estas ĉeestata de 34 knaboj (10—14 jaraj). Niajn gratulojn al tiu lernejestro, kiu petis kurson en lernejo mem kaj kiu sendas al la kurso sian filon.

Okazos dum majo, loka konkurso de Esperanto por geknaboj (12—15 jaroj). Jam la Turing Klubo Franca promesis orumitan medalon. S-ino H. Marly iniciatintino de la konkurso monoferis 100 fr. kaj la urbo Bordeaux mem, donacos ŝparkajeron 25 fr. Proksimume 60 infanoj konkursos. La disdono de la premioj okazos dum la festo de la grupo, dum junio. — C. B.

*Bremen.* — Inter la instruistaro de la popolaj lernejoj malfermiĝis du kursoj gvidataj de S-roj Böning kaj Fricke, kun 42 anoj. Tio estas la rezultato de parolado de D-ro Möbusz. En Bremen, ekzistas laborista grupo kun 100 anoj, grupo por junuloj kaj ĉeĥa grupo. — B. B.

*Capodistria* (Istrio). — Rilate al la informo publikigita en N° 1 de *Studenta Bulteno,* ni devas korekti, ke nur S-ro D. Cossaro faras kurson ĉe la loka gimnazio.

*Dresden.* — La Societo Esperanto Dresden komencigis la 23 januaro novan kurson por komencantoj sub gvidado de S-ro Karsch. Ripeta kurso komencis la 26 februaro kaj estas gvidata de F-ino Zschepank. — J. K.

*Genève* (Svis.). — Post la fino de la dua kurso de S-ino Biske okazis la 15 februaro ekzameno de la lernantoj. Tria kurso estos baldaŭ malfermata ĉe la Universitato.

*Innsbruck* (Aŭstrio). — La kurso de la klubo kontentige finiĝis kun 19 partoprenantoj. — S.

*Lausanne* (Svis.). — Sekve de sukcesa Esp. ekspozicio, du novaj kursoj okazos, unu gvidata le S-ro Caumont, alia de F-ino Schenk. — A. C.

*London.* — La 12 februaro malfermiĝis speciala kurso de S-ro Epstein por policanoj. Tiu kurso estas ŝuldata al la klopodoj de S-ro Alcorn kaj la afabla helpo de Sir Vezey Strong kaj de S-ro Mudie. — H. A. E.

*Mainz* (German.). — Dua kurso gvidata de S-ro Gässler; 18 lernantoj. — K. G.

*Milano.* — Fermiĝis kun publika ekzameno la 3a kurso, farita de S-ro Prof. Colonnese, Del., sub la aŭspicioj de la Popola Universitato.

*Osnabrück* (German.). — Nova kurso por instruistoj.

*Peterburgo.* — Du kursoj gvidataj de S-roj Dresing, Nievenglov kaj Samojlov, ĉe la teknologia instituto; 38 kursanoj.

*Trieste.* — Ĉe la fermo de la perfektiga kurso, D-ro Ghez faris paroladon; ĉe la fermo de la kurso en la sidejo de la socialdemokratoj, li paroladis pri Esp. kaj socialismo. — G.

*Twickenham.* — La Provinca Instruada Komitato en Middlesex starigis trimonatan publikan kurson, kiun jam aliĝis pli ol 40 lernantoj, grandparte geinstruistoj. Tiu kurso estas grava afero, ĉar, se la komitato kontentiĝos pri ĝia sukceso, pluaj kursoj estos oficiale starigataj en la provinco. La provinco Middlesex estas malgranda, sed pro sia proksimeco al Londono ĝi enhavas tre grandan loĝantaron, kaj sekve de Esperanta vidpunkto ĝi formas gravan kampon por propagando. — B. E. L.

*Verona* (Ital.). — Dua kurso ĉe la Reĝa Teknika Instituto, gvidata de S-ro Reni, Del. — A. R.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Germana Esperanto-Kongreso.* — La provizora kongresa komitato decidis, ke la kotizajoj estu por kongresano 5 markoj (2,50 Sm.), por ties familiano kaj por helpkongresano po 2 markoj (1 Sm.).

La kongreso ĉefparte okazos en la „Liederhalle"; jen la provizora programo:

Lundo, 18 Aŭgusto: ekzamenoj de Germana Esperanto-Asocio; vespere: propaganda parolado.

Mardo, 19: malfermo de la kongreso; posttagmeze kunveno de la Germana Akademia Esperanto-Ligo; vespere: balo.

Merkredo, 20: Labora kunsido; posttagmeze: ekskurso al Esslingen, tie preĝeja koncerto kaj vespere prezentadoj.

Ĵaŭdo, 21: ferma kunsido; posttagmeze kunveno de la Teka; gvidoj tra la urbo; vespere: amuza festo.

Vendredo, 22: tagaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo de Stuttgart kaj al „Schwäbische Alb" kaj „Schwarzwald"; por eksterlandanoj vojaĝontaj al la Naŭa al Bern, gvidoj tra la urbo kaj vespere publika kunveno.

Sabato, 23: Vojaĝo al la Naŭa internacia Kongreso en Bern. — P. C.

*Kongreso en Toulouse.* — La IVa kongreso de la Federacio Esperantista de Sud-okcidenta Franclando, kaj la ĝenerala kunsido de la S. F. P. E. okazos kune en Toulouse dum Pasko 1913. Jen la ĝenerala programo de tiu grava manifestacio, kiun sendube multaj samideanoj deziros ĉeesti:

Sabato 22 marto: Akcepto de la delegitoj kaj kongresanoj. Vizito de la urbo — vespere je la 20 h. 30. Publika malfermo de la kongreso; parolado de S-ro Cart, vic-prez. de la S. F. P. E.

Dimanĉo 23 marto: Kunsidoj de la F. E. S. o. F. de la S. F. P. E., de la membroj kaj delegitoj de UEA, k. t. p.; je la 19a. Festeno en la Hotelo de l'„Europe", koncerto, balo.

Lundo 24 marto: Ekskurso al Carcassonne; vizitoj de ĝiaj monumentoj, fortikaĵoj, plena kaj fama memoraĵo de la mezepoka militarto. — Reveno en Toulouse vespere kaj fermo de la kongreso.

Por hoteloj, kongreskartoj (0,40 Sm.), festeno (2 Sm.), ekskurso al Carcassonne (proks. 3.20 Sm.) sin turni al S-ro L. Beaumel, sekretario, rue des Lois 5, Toulouse.

*Federacio de Lancashire kaj Cheshire (Anglujo).* — La kvaronjara Konferenco de tiu ĉi Federacio, kiu okazis en Liverpool 25 januaro, havis tute specialan karakteron, ĉar ĝi estis la okazo de la unua literatura, muzika kaj arta konkurso, laŭ la modelo de la kimra nacia festo nomita „Eisteddfod“. La kunveno okazis posttagmeze en la Carlton Hall kun pli ol du cent ĉeestantoj, kiam la aljuĝoj de la literaturaj konkursoj estis legataj de S-ino Blaise, kaj la muzika kaj deklama konkursoj okazis publike. Laŭ la raporto de Ges-roj Blaise, la juĝintoj, la literaturaj konkursoj atingis altan nivelon de boneco. La premiojn gajnis: originala poemo, S-ro Pollard, el Buxton; originala dramaĵo, S-ro Pollard; traduko el angla lingvo, S-ro Bailey, el Manchester; originala legotaĵo, S-roj Applebaum, Liverpool, kaj Challener, St. Helens. Deklamo S-ino Applebaum, Liverpool. Desegno (standardo por la federacio), S-ro Jones, Liverpool. La sukcesan poeton oni kronis per arĝenta krono, laŭ la kimra kutimo kaj ceremonio. La muzikaj konkursoj konsistis el la kantado de konataj kantoj en esperanta traduko, kaj altiris bonan nombron da konkurantoj. Ĉe la kunveno prezidis S-ro Kyffin-Taylor, unu el la parlamentanoj por Liverpool, kiu faris sian unuan paroladon en nia lingvo. Poste oni faris la aferojn de la federacio kaj elektis S-ron Rhodes-Mariott, el Manchester, prezidanto por la nuna jaro. Sekvis, kiel kutime, komuna manĝo, kaj vespera kunveno kun teatraĵo kaj dancado. La tuto estis tre sukcesa kaj montris kreskantan viglecon ĉe la federaciaj grupoj. — G. D. L.

*Esperanto-Asocio de Finnlando.* — Ĝenerala kunveno okazos en Helsinki dum marto 1913, verŝajne la 8—9 marto. F. E.

*VIa Kongreso de la Federacio Esperantista de „Bourgogne“ kaj „Jura“.* — La VIa kongreso de tiu grava federacio okazos dum la Pentekostaj Festoj en *Auxerre* (Yonne, Francujo). Jam la loka komitato prezidata de S-ro Cestre ricevis aliĝojn de multaj eminentuloj de la regiono por la Honora komitato. Dimanĉon 11 majo okazos la laborkunsido, la oficiala festeno, kaj koncerto sekvata de Balo. Lundo estas ekskursa tago; oni vizitos interalie la faman katedralon de *Vezelay* kaj la grotojn de Arcy-sur-Cure. La aliĝoj povas esti sendataj de nun al S-ro Cestre, 10, rue Faidherbe, Auxerre.

*Beaune* (Francujo). — La grupo festis la 10 datrevenon de sia naskiĝo per du impresaj kunvenoj. La 9 februaro, okazis granda festeno, kie ĉeestis kaj paroladis esperante S-roj Fromageot, prezidanto, Aug. Pittlik, el Praha, G. Goubler, subprefekto k. t. p. La 11 okazis la mirinda prezentado de la du cent lumbildoj de S-ro Pittlik. Pli ol 300 personoj ĉeestis kaj miregis pri la belegaj koloraj vidaĵoj de la urbo Praha, de la naciaj bohemaj kostumoj, de la famaj Sokoloj k. t. p. D-ro Fromageot tradukis francen. S-ro Bard prezentis kaj dankis la paroladiston je la nomo de la urbestraro, kiu patronis la kunvenon. La restado de S-ro Pittlik en Beaune kaj lia senĉesa interparolado kun la gesamideanoj denove pruvis la vivpovon de Esperanto. — B.

*Trieste.* — La 26 januaro okazis granda festo aranĝita de la tiea grupo; ĉeestis pli ol 200 personoj. F-ino Abramek kaj S-ro Ipavitz deklamis monologon, F-ino Kerns poezion. — G.

*Villach.* — (Aŭstrio). — La fondofesto de la Esp. Societo por Karintio okazis la 8 februaro kun la plej bona sukceso. Post aplaŭdita parolado de D-ro M. Wedam sekvis amuza parto, kantoj kaj gaja dancado. — Dr. W.

* * *

La rubriko *Paroladoj*, pro manko de loko, povas aperi nur en la venonta No.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Marto* (22-23). — Kongreso de franca Societo por la propagando de Esperanto (S. f. p. E.) en *Toulouse*.

*Marto* (22-23). — Tago de la Germana Laborista Asocio en *Frankfurt a./M.*

*Majo* (11-12). — Dana Esperanto-Kongreso en *Aarhus*.

*Majo* (11-12). — Kongreso de la Federacio Esperantista de Bourgogne kaj Jura en *Auxerre*.

*Majo* (11-12). — Brita Esperanto-Kongreso en *Eastbourne*.

*Majo* (11-12) — Aŭstria Esperanto-Tago en *Graz*.

*Junio* (1). — Kongreso de la Nordfranca Esperantista Federacio en *Douai*.

*Junio* (1). — Tago de la Saksa Esperanto-Ligo en *Frankenberg*.

*Junio* (6-9). — Skota Esperanto-Kongreso en *Greenock*.

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago*.

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart*.

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno*.

## DIVERSAĴOJ

.·. *Esperanto kaj tezoj.* — La 25 januaro, S-ro D-ro Domec de la Universitato en Bordeaux prezentis sian tezon antaŭ juĝantaro, kiu akceptis lin doninte la noton „Tre bone“.

S-ro Domec estas Esperantiano kaj fidas Esperanton. Li, ĉe la unuaj paĝoj de sia tezo, montras la utilecon de Esperanto por studentoj, kiuj serĉas dokumentojn en ĉiuj verkoj ĉu francaj aŭ fremdaj; kaj finas dirante, ke se ĉiuj verkoj estus sekvataj de kompendio esperante redaktita, la traserĉoj estus faciligitaj al ĉiu studento. La tezo estas sekvata de resumo esperante verkita, laŭ ideo montrita ĉe la komenco de l'libro.

En du-tri paĝoj D-ro Domec pritraktas pri: „Pri kistaj tumoroj de la ovario je enhavo gasa.“

Niajn plej sincerajn gratulojn al nia samasociano, kaj sekvinda ekzemplo.

.·. *Esperanto kaj Ruĝa Kruco.* — Jen kiel esprimiĝas D-ro de Marval, delegito de la Internacia Ruĝa Kruco en la Balkanoj:

„Certe jes, Esperanto estus povinta utili dum la Balkana milito . . . . se Esperanto estus parolita de multaj Balkananoj. Ŝajnis al mi, ke tamen ilia nombro estis tre limigita. Nur unu fojon en Kumanova, turka spicisto demandis min, ĉu mi parolas Esperanton, kies adepto li estis; mi devis konfesi mian nescion! En la hospitaloj, kie laboras fremdaj misioj, Esperanto povus doni gravajn servojn al la kuracistoj, al la flegistoj kaj al la malfeliĉaj vunditoj! . . . Laborante por ĝia disvastigo vi do plenumos humanan agadon kaj alportos ŝtonon al la interpopola paco. Mi volonte permesas al vi uzi tiujn liniojn. D-ro C. de Marval.“ — *G. H.*

.·. *Internacia pilgrimo katolika.* — La kvara internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj okazos en *Romo* mem, la 7—14 septembro 1913, sub la oficiala titolo „Internacia pilgrimo katolika“. Oni antaŭvidas grandan nombron de ĉeestantoj kaj jam nun oni havas la certecon, ke gravaj rabatoj estos konsentataj por la vojaĝo. Dum februaro S-ro Colas veturis Romon por sin okupi pri la aranĝo de tiu kongreso.

.·. *Esperanto kaj Jarlibroj.* — Ni jam notis, ke la tre konata franca *Almanach Hachette* enhavis — kaj ĉiujare enhavas — artikolon pri Esperanto. Ni ankoraŭ devas citi, ke la tre disvastigata germana *Kürschners Jahrbuch* enhavis tre bonan artikolon pri Esperanto kaj UEA, verkitan de nia sperta samideano, S-ro A. Behrendt, prezidanto de Ildepo.

## TRA LA GAZETARO

∴ Novaj gazetoj:

*The Esperanto Monthly*, monata gazeto por la instruado de Esperanto al anglolingvanoj: eldonata de B. E. A., London. Aperas ankaŭ amerika eldono, kiel organo de la Usona Esperanto-Asocio.

*L'Esperanto*, duonmonata propaganda gazeto en itala lingvo. Direkcio: S-ro A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Veneto).

*Pikarda Stelo*, duonmonata organo (hektografita) de Amiensa Juneco Esp. Direkcio: E. Payen, 10, rue Chanzy, Amiens (Franc.).

∴ Favoraj notoj pri UEA aperis en: *Germana Esperantisto* (febr.), *Mitteilungen*, Dresden (febr.).

∴ Favoraj artikoloj aperis en: *Grazer Tagblatt* (6 febr.), *Eckernförder Zeitung* (13 febr.), *Schlesisches Tageblatt* (2, 9, 12 febr.), *Berliner Lokal-Anzeiger* (9 febr.), *Nacht*, Oldenburg (6 febr.), *General-Anzeiger*, Reutlingen (8 febr.), *Mainzer Tageblatt* (15 febr.), *Journal de Rouen* (7 febr.), *La Dépêche de Rouen* (7 febr.), *L'Ami de Paris*, *Le Journal de Roubaix*, *La Dernière heure*, Bruselo (3 febr.), *Pariser Zeitung*, *L'Action Jurassienne*, *Demain* (Nº 13), *A Norte*, Rio, *O Paiz*, Rio, *O Commercio de Porto*, *El Diario Español*, Buenos-Ayres, *Il socialisto Friulano*.

Ni petas, ke oni bonvolu ĉiam sendi tuj al ni 1 ekz. de la gazetoj, en kiuj aperas artikoloj pri Esperanto aŭ UEA. Oni videble s gnu la lokon, kie troviĝas la artikolo.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Oficiala Jarlibro.** — Ni anoncas, ke la eldono 1913 de la Oficiala Jarlibro aperis kaj ke en la lasta tempo estis plenumata ĝia ekspedo al la membroj pagintaj la kotizaĵon.

La nova Jarlibro enhavas 300 paĝojn (180 en 1912). La cito de la tabelo de enhavo trafe montros la diversecon de la temoj pritraktitaj: Antaŭparolo. Kalendaro 1913. *1a Parto:* Kronologio, luno, eklipsoj, festoj, horo, tajdo, mezuroj kaj pezoj, diversaj unuoj, mondformato, mono, kompara tabelo de la ĉefaj monunuoj, Universala Poŝta Unio, Universala Telegrafa Unio, ĉefaj internaciaj institucioj, internaciaj kongresoj, esperantistaj kongresoj, internaciaj ekspozicioj, foiroj kaj festoj, notindaj datoj el la historio de Esperanto. *2a Parto:* Informoj pri UEA (historio, celo, organizo, statistiko). Servoj de UEA. *3a Parto:* Statuto kaj regularoj. *4a Parto:* Centra organizo de UEA. Distrikta organizo. Regiona organizo (adresaro de la Del.), Esperantiaj Entreprenoj. *5a Parto:* Turismaj informoj (hotela servo). Resumaj klarigoj pri la surfaco, loĝantoj, lingvoj, religioj, registaro, armeo instruado, ekonomio, monsistemo, poŝto, fervojoj, navigado, turismo en ĉiuj Eŭropaj landoj kaj listo de *420* hoteloj, rekomendataj al Esperantianoj.

Dank' al sia riĉa enhavo kaj oportuna formato, la Jarlibro de UEA estas la necesega akompananto de ĉiu Esperantiano. Ĝi sola jam plene repagas per si mem la kotizaĵon de UEA.

**Kongreso de UEA.** — Ni jam de nun atentigas niajn membrojn pri § 4 kaj 5 de la kongresa regularo:

§ 4. — Havas la rajton prezenti proponon al la kongreso ĉiu Esperantiano, membro aŭ Delegito, ĉiu Esperantia entrepreno aŭ asocio (per Esperantiano rajtigita de ĝi), ĉiu komitatano aŭ la komitato mem, sub la jenaj kondiĉoj. Ĉiu propono devos konsisti el raporto de 2000 vortoj maksimume. Tiu raporto klarigos la staton de la demando, formulos la proponon kun la necesaj praktikaj detaloj kaj finiĝos per deziresprimo pri kiu voĉdonos la kongreso.

§ 5. — Ĉiu propono, subskribita de la proponinto, estos komunikata al la Centra Oficejo de UEA, almenaŭ 60 tagojn antaŭ la malfermo de la kongreso. Preter tiu tempolimo nenia propono povos esti submetata al la kongreso.

La Centra Oficejo de nun deziras kaj akceptas:

Temojn rilatantajn al la agado de UEA, traktotajn konforme al la supraj §.

Demandojn aŭ proponojn rilatantajn al nia organizo aŭ labormetodo, pri kiuj la C. O. respondos parole aŭ skribe dum la kongreso, se ili havas ĝeneralan intereson.

**Garantia kapitalo.** — En la lasta nº de *Esperanto* enŝoviĝis preseraro — pro tute lastmomenta aldono — je la listo de la ĝisnunaj garantiantoj. La sumo de la promesitaj atestoj estas 12.875 frankoj (anstataŭ 12.750).

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la kvinan liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro, 20 januaro, 5 kaj 20 februaro).

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj. La substrekitaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

BIRMINGHAM. — 41; 7. — D: *W. H. Garbutt* 7 E. — VD: *F. W. Hipsley* 7 E.

LEIPZIG. — 25; 10. — D: *B. Kötz* 10 E. — VD: *A. Petzold* 9 E.

NEWCASTLE ON TYNE. — 27; 5. — D: S-ino *S. E. Wright* 5 E. — VD: *W. M. Creight Brown* 5 E.

NICE. — 40; 19. — D: Roncati 19 E. — VD: Jullien 19 E.

PRAHA. — 21; 10. — D: *Ed. Kühnl* 10 E.

VARSOVIO. — 80; 30. — D: *W. Hirszowski* 26 E; 1. Teichfeld 2, J. Loth 1, W. Robin 1. — VD: 1. *Tejchfeld* 19 E; K. Tyminski 9, W. Hirszowski 2.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 607 personoj el 2652.

**Novaj Delegitoj.**

*Cannock* (Anglujo, Staffordsh). — D.: Archibald John Ashley, pastro, 58 Hednesford Road.

*Cebu* (Insuloj Filipinaj). — D.: Nicomedes Escribano, profesoro, Box 140.

*Crimmitschau* (Germanujo, Saksujo). — D.: Max Pecher, komercisto, 48 Werdauerstrasse.

*Grosskayna* ap. Merseburg (Germanujo, Prov. Sachsen). — SD.: Nowakowsky, laboristo.

*Helsinki* (Finlando). — D.: Wilho Setälä, studento, Merilinna, (nur septembro-majo); VD.: S-ino Hilma Hall, Agelby ap. Helsinki, Del. dum junio—aŭgusto.

*Naumburg* a/Saale (Germanujo, Prov. Sachsen). — D.: P-ro D-ro Schmidt.

*Weissenfels* a/Saale (Germanujo, Prov. Sachsen). D.: S-ino Löwe, cigarvendejo, Ecke Saal- & Südenstr.

**Ŝanĝoj.**

*Beuthen* (Germanujo, Silezio). — VD.: August Strauch, distrikta ĉefserĝento.

*Coutances* (Francujo, Manche). — D.: G. Ruault, 12 rue Fontaine-Jouan.

*Germana Militŝiparo.* — D.: Fritz Heinrich, Bootsmann-Maat sur S. M. S. Magdeburg, Kiel.

*Gerona* (Hispanujo). — VD.: Seronimo Boris, komercisto, Hortas 18, 2º.

*Melilla* (Hispanujo). — D.: D. Eugenio Calvo Blasco, subkolonelo de infanterio, Calle de Miguel Zazo 6, bajo izquierda.

*Monaco* (Francujo, Alpes Maritimes). D.: F-ino Raimbaldi, ŝuvendistino, magasins de chaussures, rue Grimaldi.

*New Haven* (Usono, Conn.). — D.: Hubert A. Welch, komizo, 215 Lloyd St.

*Nice* (Francujo, Alpes Maritimes). — D.: Celestin Roncati, komercisto, 23 rue de Lépante; VD.: Jullien, komercoficisto, 4 rue Foncet.

*Zaragoza* (Hispanujo). — VD.: Emilio Gaston Ugarte, advokato, Don Jaime 68.

### Eksiĝoj.

*Burnley* (D.: Whitham); *Dublin* (D.: Johnston); *Kearney* (D.: Hill); *Pirdop* (D.: Krestanof).

### Rimarko.

*Libau* (Rusujo, Kurland). — Pro foresto de la Delegito oni petu ĉiujn informojn de la Vicdelegito: Josefo Kaplan, Postfach 16.

### Esperantiaj Entreprenoj (por la jaro 1913).

*(Daŭrigo.)*

186. *Dresden*, Esp. Grupo „Plaŭena Fundo".
187. *Dresden*, Verein zur Förderung Dresdens und des Fremdenverkehrs. (Porfremdula Societo.)
188. *London*, Internacia Propagandejo Esperantista.
189. *Châtillon*, Auguste Nonin, plantkulturejo.
190. *Sopron*, Esp. Grupo „Pacemo".
191. *München*, Hotel Reichshof.
192. *München*, Propaganda Ligo por la Parkurbo Esperanto.
193. *München*, Jos. Sedlmayr, Brauerei zum Franziskanerkeller (Leistbräu) Aktiengesellschaft.
194. *München*, Graphia G. m. b. H., presejo kaj eldonejo.
195. *München*, Esperanto-Klubo.
196. *Engelsberg*, Esp. Grupo.
197. *Jurjevskij Zavod*, Esp. Societo.
198. *Gent*, Esp. Grupo.
199. *Edinburgh*, Esp. Societo.
200. *Hannover*, Laborista Esp. Grupo.
201. *Wernigerode*, Esp. Klubo „Abio Verda".
202. *Leipzig-Grosszschocher*, fabriko por elektraj mezuriloj.
203. *Genève*, Universala Esperantia Librejo.
204. *Genève*, Association Suisse de la Presse Internationale.
205. *Paris*, La Paix par le Droit (La Paco per la Juro).
206. *Kopenhago*, Societo de Danaj Esperantistoj.
207. *Corbeil*, Esp. Grupo.
208. *Königsberg*, Esp. Grupo.
209. *Kladno*, Esp. Klubo.
210. *Baracaldo*, Esp. Grupo.
211. *Edinburgh*, Skota Federacio Esperantista.
212. *Meissen*, Esp. Unuiĝo.
213. *Genève*, Hôtel meublé du Théâtre.
214. *Lagny-sur-Marne*, Esp. Grupo.
215. *Stockholm*, Esp. Grupo.
216. *Cusset près Vichy*, Société des Sources d'Eaux minérales du Château de la Motte.
217. *Moskvo*, Tutruslanda Esp. Kuracista Societo.
218. *Moskvo*, Instituto de Esperanto.
219. *Moskvo*, La Ondo de Esperanto.
220. *Moskvo*, Librejo Esperanto.
221. *Moskvo*, Mahler & Jackiewicz, komercejo de vaporkaldronegoj.
222. *Moskvo*, Esp. Societo. *(Daŭrigota.)*

### Korekto.

En n-ro 138 sub la sama rubriko legu: 185. *Dresden*, Ader & Borel (ne Adler & Borel).

# Esperantia Parolejo

## Propono pri Esperanto-semajno

Ni, la subskribintoj, anoj de la Norda Rondo Esperantista en Philadelphia, respekte prezentas la jenan proponon:

1e Ke iu dato estu elektita por „Esperanto-semajno". Tiam ĉiuj samideanoj klopodus samtempe interesi siajn respektivajn samurbanojn, registarojn, kaj fari grandan propagandon pri nia lingvo.

2e Ke petskribo estu verkata de UEA kiun povas uzi la Delegitoj de UEA, por akiri la subskribon de eminentuloj de ĉiuj landoj.

3e Ĉiuj aranĝoj devas esti farataj (la dato elektita k. t. p.), longtempe antaŭ ol povas ekokazi la ceremonioj de „Esperanto-semajno."

4e Pro tio, la Delegitoj havos sufiĉe da tempo, dum kiu ili povos akiri la helpon de siaj samurbaj samideanoj, kaj fari la jenajn necesajn preparojn, nome aranĝi Esperantajn kunvenojn por tiu semajno; lui kiel eble plej grandan kunvenejon, kaj kiel eble plej multe aranĝi kaj reklami la aferon, precipe per la jenaj metodoj: *a)* Klopodante por la helpo de la urba registaro kaj *b)* klopodante interesi la gazetojn.

Ĉio ĉi povus esti facile farata, se ĉiuj samideanoj bonvolus kunlabori vigle por la afero.

*Norda Rondo de Philadelphia:*

Creston C. Coigne, prez.; A. B. Coigne, vicprez.; S. Polinow, sekr.; Mosed Fein, kas.; J. Ralmas, kas; L. Le Vene; D. Blackman; H. Greenstein; E. Haws; J. Olanoff; J. Lencer; H. Test; A. Jamaren; K. Vidikosko.

* * *

Ni plezure ricevos rimarkojn kaj opiniojn de niaj legantoj pri tiu propono.

## Al miaj gekorespondantoj

Bedaŭrinde multaj el miaj gekorespondantoj ne legas Oficialan Jarlibron, en kiu ĝuste estas montrite kaj rekomendite al ĉiuj Esperantianoj: skribi kiel eble plej legeble, precipe sian adreson (skribotan en nacia lingvo, ne Esperante).

Preskaŭ ĉiutage mi ricevas multe da poŝtkartoj kaj leteroj kun diversaj demandoj. En multe da korespondaĵoj ne ĝuste oni skribis sian adreson. Tial mi ne povas sendi miajn regulajn respondojn. Krom tio multaj korespondantoj ne almetas poŝtmarkojn por la respondo, kaj kelkaj sendis por ĉi tiu celo respondkuponojn, sed tiujn respondkuponojn mi ne povas uzi, ĉar nia lando ankoraŭ ne estas aliĝinta al Internacia Poŝta Unuiĝo, kie ekzistas interŝanĝo de respondkuponoj.[1]

Por la pli sukcesa korespondado kun mi, mi tre petas atenti ĉion suprecititan. — *A. F. Bannikov* (Del. Irkutsk).

# Esperantia Vivo

**Mortoj.** — Malnova Esperantisto, Victor Wicart-Lotar, mortis la 10 februaro. Farmaciisto, Prezidanto-Fondinto de Komerca Unuiĝo, Membro de la Komerca Ĉambro, Eksjuĝisto ĉe la Komerca Tribunalo, Fondinto de la Grupo Esperantista en Roubaix-Tourcoing, S-ro Wicart havis multajn amikojn. Li estis kompetenta kaj servema.

Ĉe la funebra ceremonio preskaŭ ĉiuj grupoj nordaj estis reprezentataj. La Nordan Federacion reprezentis S-roj H. Comerre kaj F. Durieux el Lille.

Ni prezentas al la familio de la mortinto niajn plej bonajn kondolencojn. — D.

[1] Rilate al tio ni rimarkigas, ke tamen la rusaj Del. facile povas akcepti respondkuponojn, kiujn ili povas aŭ uzi en siaj interrilatoj kun eksterlandanoj — tion jam faras multaj rusaj Esperantianoj — aŭ ŝanĝi ĉe iu eksterlanda Del. kontraŭ alsendo de poŝtmandato aŭ transpagilo. (Red.)

∴ La 27 januaro post tre mallonga malsano mortis S-ro Robert J. Hill, Del. en Kearney, Nebraska (Usono). La mortinto estis unu el la plej fervoraj esperantistoj en Nebraska kaj, malgraŭ liaj nemultaj jaroj, li estis bone konata en la ŝtataj esperantaj rondoj, speciale en la laboro de la nova esperanta fako de la Ŝtata Kristana Celada Unuiĝo. Lia animo ripozu en paco. — E. H.

∴ El Breslau ni devas komuniki la bedaŭrindegan informon pri la morto de S-ro Elias Zepler, Vicdel. De post kvar jaroj li estis fervorega Esperantisto Precipe en UEA, li kiel praktika homo vidis la plej fortan kaj efikan potencon por la disvastigo de la lingvo. Li partoprenis la barcelonan, la antverpenan kaj ankaŭ la krakovan kongresojn. Dum 1909 li entreprenis longan vojaĝon tra la balkanlandoj kaj Turkujo, kaj dumvoje intime konatiĝis kun multnombraj samideanoj, kiuj ŝatis lian noblan karakteron kaj veran homamon. En Breslau li multe helpis al la Esperanta movado, kaj ĉiam estis preta servi por Esperantismo. Kvankam jam 50-jara, li post laciga labortago instruis siajn vendistinojn vespere, kaj dimanĉon matene, ĝis la lastaj semajnoj, junulojn el la metallaborista sindikato. La doloro en nia rondo estas nepriskribebla; en li ni ĉiuj perdis amikon kaj fraton.

La 9 februaro preskaŭ la tuta Esperantistaro de Breslau ĉeestis la entombigon; en ĝia nomo S-ro A. Behrendt diris kortuŝegajn vortojn de lasta adiaŭo. — G. M.

∴ Nia samideano, S-ro R. de Saussure, Akademiano, havis la doloron perdi sian fraton, S-ro Ferdinand de Saussure, profesoro ĉe la Ĝeneva Universitato, kaj tutmonde konata lingvisto. Ni prezentas al lia familio niajn respektplenajn kondolencojn.

# Alvokoj

## Esperanto kaj rusa kooperativismo

La rusa Registaro eldonas oficialan tre interesan ĵurnalon kooperativan; en ĝi estas la konstanta (ĉiusemajna) fako: „la kooperacio alilande." Mi decidis konatigi la legantojn kun Esperanto kaj ĝin propagandi, sed mankas materialo. Tial mi petas, ke oni sendadu al mi diversajn artikolojn pri kooperativa movado en la diversaj landoj kun detalaj rimarkoj pri la fonto. Ankaŭ estos bone, se aperos en „*Esperanto*" kelkaj gravaj interesaj artikoloj pri tia temo. Presitajn kaj skribitajn artikolojn mi tradukos rusen kaj sendos al la redakcio de la dirita ĵurnalo, kun noto, ke ili estas tradukitaj el Esperanto kaj kun rimarkoj pri nia lingvo; en ĉia artikolo estos speciala aparta rimarko pri Esperanto; tiel en multaj artikoloj mi konatigos grade la legantaron kun nia lingvo. — Pastro *Seriŝev*, Del. en *Krasnij-Jar*, Zabajkala Oblast (Siberio).

## Esperanto-Oficejo

En Capodistria oni fondis Esperanto-Oficejon. Ĝia tasko estas: Recenzi ĉiujn aperontajn esperantajn verkojn en speciala rubriko de konata itala revuo el Triesto „Illustrazione Popolare" (Adriatiko-Trentina).

Tial mi tre petas ĉiujn verkistojn, ke ili bonvolu sendi 2 ekzemplerojn de siaj verkoj.

Farante tion, ĉiuj eldonistoj propagandas ne nur Esperanton, sed precipe siajn verkojn.

Al ĉiuj bonvolemaj sendontoj, korajn salutojn kaj dankegojn.

Ĉiujn sendaĵojn al S-ro: *Camuffo Armando*, Capodistria (Istrio-Aŭstrio).

## Vojaĝo al la 6ª Brita Kongreso

La 6ª Brita Kongreso okazos en Eastbourne, belega marurbo, dum Pentekosto 10—11—12—13 majo. La Eastbourna Esperanta klubo kaj la Urbkonsilantaro estus kontentaj akcepti fremdajn samideanojn. Tio bone helpus la propagandon kaj la rilatojn inter la landoj. La urbo eldonis specialajn gvidlibrojn bele ilustritajn (oni povas ĝin ricevi, skribante al S-ro Nix, 2 Terminus Road, *Eastbourne)*. Por faciligi la iradon al francaj samideanoj, S-ro Souchay, konsulo de UEA en Parizo aranĝos karavanon, kiu foriros de Parizo la antaŭan sabaton per nokta vojaĝo, 9 h 20 tra Dieppe kaj Newhaven. Oni alvenos en Eastbourne dimanĉon matene. Oni povus reveni *laŭvole* lundon aŭ alian tagon ĉar la bileto valoras 15 tagojn.

La elpezoj estos: vojaĝo 1º klaso fr. 49,05, 2º klaso fr. 37,80, kongreskarto fr. 3,10: loĝado kaj nutrado potage laŭvole fr. 6,25, 9,35, 7,50, 13,10 kaj eble 2—5 aliaj elpezetoj.

Estos tre interesa vojaĝo kaj afablega akcepto; ĝi estus por la novaj samideanoj la plej bona pruvo pri la taŭgeco de nia lingvo kaj la dolĉa frata sento de Esperantismo. Do, aliĝu, multnombraj.

Ĉiuj samideanoj, kiuj deziras aliajn informojn bonvolu sin turni, enmetante respondmarkon, al S-ro Souchay, 134, Boul. Exelmans, Paris.

## Konkurso

En Chicago, kie oni parolas preskaŭ ĉiujn lingvojn de la mondo civilizata, estas necese uzi unikajn propagandilojn. Al tiu celo la konsilantaro de La Gradata Esp. Soc. de Chicago proponas kvar premiojn al personoj, kiuj sendos la plej amuzajn aŭ plej interesajn anekdotojn aŭ historietojn.

*Kondiĉoj:*

1. Ĝi devas esti amuza aŭ tre interesa.
2. Ĝi devas konsisti el tiaj vortoj ke neesperantisto, anglan lingvon parolanta, povu tuj ekkompreni aŭdante ĝin.
3. Ĝi devas esti verkita en komprenebla Esperanto.
4. La Gradata Esp. Soc. rajtos uzi la respondaĵojn libere.
5. La kovertoj enhavantaj la konkursaĵojn estos malfermataj en publika kunveno, kiun ni anoncos poste sed la kunveno ne okazos antaŭ la 15 aprilo. La juĝontoj estos elektotaj en la kunveno, sed nur personoj, kiuj konas krom la angla neniun alian lingvon eĉ Esperanton.
6. Nur tiuj respondaĵoj estos prijuĝotaj, kiuj alvenos antaŭ la kunveno; pro tio ni konsilas, ke oni sendu la konkursaĵojn sufiĉe frue ke ni ricevu ilin je la 15 aprilo.
7. Ĉiu Esperantisto povas partopreni, eĉ povas sendi du konkursaĵojn sed neniu ricevos pli ol unu premion en tiu ĉi konkurso. Plue, ĉiu partoprenanto devas uzi pseŭdonimon kaj sendi la manuskripton al: Esperanta Oficejo de La Gradata E. S. (Konkurso) 1669 Blue Isl. Ave, Chicago, Illinois (Usono).
8. Vian propran nomon kaj adreson kun la pseŭdonimo sendu al: La Gradata Societo C/o Amerika Esperantisto, Vaŝingtono, D. C. (Usono).

Premioj: Iª 10 Sm., 2ª 8 Sm., 3ª 6 Sm. kaj 4ª 4 Sm.

Se oni deziras pluajn klarigojn oni turnu sin al D-ro B. K. Ŝimonek, 1669 Blue Isl. Ave, Chicago Ill. (Usono).

## Pri kunedukado

Al mia demandaro aperinta en la Nº de 5 februaro mi ricevis nur 4 respondojn el Germanujo, Rusujo, Francujo. Kordankon. Mi tre dankus la legantojn — eĉ ne pedagogiemajn — se ili bonvolus diskonigi ĉirkaŭ si miajn demandojn kaj sendi la respondojn havitajn. La afero estas interesa ne nur je eduka vidpunkto, sed ankaŭ je poresperanta vidpunkto; mi tre atentigas pri tio la Delegitojn de UEA ĉiulandajn. Antaŭdankojn.

*A. Giraud*
2, rue du Nil, Marseille.

# Premio al niaj abonantoj

Dum la somero 1913, la Naŭa Kongreso de Esperanto kaj la Kvara Kongreso de UEA okazos en la ĉefurbo de Svislando. La atento de la Esperantistoj estos do altirata al tiu lando, tiel originala je diversaj vidpunktoj.

La Svisoj apartenas al diversaj rasoj; la tri ĉefaj estas la germana, la franca kaj la itala. Tiuj rasoj diferencas inter si ne nur laŭ la lingvo, sed ankaŭ laŭ la kutimoj kaj karaktero. Malgraŭ ĝia malvasta amplekso, ĝi prezentas interesajn kontrastojn. Mondfamaj estas nun la majestaj, ĉiam neĝkovritaj montosuproj, kiuj regas en la centra parto de la lando. Pentrindaj vilaĝoj sin kaŝas inter la arbaroj de l'valetoj, kaj en la brila lumo de Alpaj herbejoj staras, dise, lignaj, graciaj, per floroj ornamitaj farmodomoj aŭ etaj fojnejoj, en kiuj sin ŝirmas la brutaro dum somera paŝtado.

Alia parto de Svislando enhavas pli densan loĝantaron. En riĉa, fruktoporta ebenaĵo aŭ sur malkrutaj, ondoformaj deklivoj, kreskas la vinarbeto, ĉirkaŭ helaj bluaj lagoj. Prosperaj urboj, per industrio kaj komerco, riĉigas la landon, kaj en iliajn lernejojn kaj Universitatojn alkuras de ĉie sciencavida gejunularo.

Pli sude, troviĝas la itala parto. Tie denove aliiĝas. Kiel en Italujo ankaŭ tie ĉarmas la okulon la varmaj tonoj, la harmonia kolorludo.

Tiujn diversajn aspektojn de Svislando bonege montras la rakontoj elektitaj kaj tradukitaj de *E. Ramo* sub la titolo



# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

BALAKOVO (Rusujo, Sam. gub.). — S-ro Skvorcov, fabrikejo de J. Mamin, PI. (kun metiistoj, precipe fabriklaboristoj).

BALAKOVO (Rusujo, Sam. gub.). — S-ro Dmitrij Zinovjev, PI. bfl. (escepte eŭropanoj).

BARCELONO (Hispanujo). — S-ro Francisko Alsina, ĉe societo „Paco kaj Amo", Montseny 67, 2., nur belegaj PI.

BILBAO (Hispanujo). — S-ro D. Albert, Heros 24.

BUKURESTI (Rumanujo). — S-ro Sol Zalmanovici, Sos. Vitan No. 11 (dez. vendi rumanajn uzitajn PM.).

BUKURESTI (Rumanujo). — S-ro P. Costin, ĉe redakcio de „Epoca" (nur kun geinstruistoj, al aliaj ne respondas).

COSWIG b. DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Kurt Haussmann, Hauptstr. 28, PI.

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI. PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

DAMVILLERS (Francujo, Meuse). — S-ro Bannier Lucien, str. Bastien-Lepage, 25-jara, L. PK.

DRESDEN 29 (Germanujo). — S-ro Franz Thiel, instruisto, Weidentalstr. 20.

DUESSELDORF (Germanujo). — S-ro Hermann Leipelt, Birkenstr. 36/I, l.

DUISBURG-RUHRORT (Germanujo). — S-ro W. Grzeŝkoviak, Kaiserstr. III, PI.

ELBERFELD (Germanujo). — S-ro Kurt Henke, Hofkamp 28, PI. (kolektas gvidlibrojn de urboj kaj esp. gazetojn, korespondado prefere kun neeŭropanoj).

GERONA (Hispanujo). — S-ro Lorenzo Serra, Cort-Real, 30, Razurejo, PM. (kun fremdaj gesamideanoj).

HELSINKI (Finlando). — S-ro Vilho Setälä, stud., Meilinna, L. (pri matematikaj terminoj).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Vaclav Kostka, Pädagogium, PI.

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Jaroslav Podobsky, Pädagogium, PI. L.

KAMENJ-RYBOLOV (Rusujo). — S-ro Aleksandro Pagirev, vilaĝanestro, PI. PM. bfl. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte rusaj, aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj kaj hispanaj).

MONTBÉLIARD (Francujo). — S-ro Armand Pourchot, profesoro, Avenue de la Prairie, PI. PM.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Konstantin Pavloviĉ Ejov, S. Golutvino, PM. PK. (krom tio: insektojn, papiliojn, plantojn kaj mineralojn por kolektoj).

NAGYKÖRÖS (Hungarujo). — S-ro jun. Antal Khirer, No. 113, PI.

NEM. BROD No. 19 (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Juc A. Heyrovsky, PK. L. (kun ekstereŭropanoj escepte Usono, precipe kun fraŭlinoj).

OMSK (Rusujo). — S-ro A. Brjuŝkov, Glavno-upravlenskaja 14, PI. PM.

OPLADEN BEI KÖLN (Germanujo). — S-ro Hans Truss, Kölnerstrasse 32, PI. (kun ĉiuj landoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro P. Tobi, V. O., 3 lin. 38 loĝ. 82, oficialaj PK. (precipe kun neeŭropanoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Julius Sallo, Zverinskaja, 32, loĝ. 5, PI. L. bfl. (kun ĉiuj landoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Jaroslav Hebky, Njustackaja 8, kv. 19, Vib. storona, PI. bfl. (kun ekstereŭropanoj).

PHILADELPHIA, XXXIst (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2. 157 E. Cumberland st. (Pri germana filozofio; Kant'a transcendentismo).

PHILADELPHIA (Usono). — S-ro Joaĥimo Kalmus, 1825 N. Seventh Str. PI. L. bfl. (memfaritaj fotografaĵoj de sendinto).

PLZEN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Opatrny, Einj. Freiw. 8, Komp. I. R. No. 35, PI.

PRAHA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Karel Maly, Florenc 27 (kun ĉiuj landoj, ankaŭ kun fraŭlinoj kaj aŭstriaj slavoj).

PRAHA II (Aŭstrio, Bohemujo). — F-ino Nina Silbersteckenova, instruistino, 54 Taborska, PI.

PRAHA-VINOHRADY (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro B. Borovansky, VIa realky.

RUDNIK JULIJA, Enisejs, gub. na Ulekj (Rusujo). — S-ro L. A. Ĉetverkin.

RYLSK (Rusujo, Kurska gub.). — S-ro A. Kalmikov, PM. PI.

SASD (Hungarujo). — S-ro Bene Dezsö, Baranya, muziknotojn kun ĉiuj samideanoj, PI. kun fraŭlinoj.

TAMPERE (Finlando). — S-ro Toivo Lektonen, 17-jara, Hallituskatu 23, PI. L. (precipe kun junulinoj).

VEGHEL (Nederlando). — F-ino Henriette Kemps, Hoofsstraat, PI.

VEGHEL (Nederlando). — F-ino Henriette v. d. Sande, Hoofsstraat, PI.

VYS. MYTO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Teply, Semb. ul. 124.

WARNSDORF-I-B. (Aŭstrio). — S-ro Carl Fischer, Creditanstalt. Pl. PM. oficial PK. (respondas nur sur belaj kartoj).

WEINBÖHLA-DRESDEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Arthur Sohrmann, instruisto (kun gesamideanoj el Varsovio, Turkujo, Grekujo kaj ekstereŭropaj landoj, tre volonte kun kolegoj). L. Pl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* (Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Postulu* senpagan esperantan prezaron al *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorrraine, *Baune*, Côte-d'Or, Franclando.

ESPERANTO EN SAKETO. — Gesamideanoj, *korespondu* inter vi per tiu utila kaj agrabla lernoludo. — Por ricevi saketon da 200 pecoj sendu 1. — Sm (2.50 fr.) al S-ro L. BOUZAC, Del., Avenue de Bayonne, *Biarritz* (Francujo). — NOVA KAJ INTERESA.

ESPERSTENO: Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo: Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

POR MONERKOLEKTANTOJ! Ĉu vi havas „LA DANAN TRON-ŜANĜ-KR. 2?" eldonitan en nur 100.000 ekzempleroj la 6-an de februaro 1913. Prezo: Sm. 1. — plus poŝtelspezoj (1 peco = 20 sd., la sekvantaj 5 sd.). Haveblaj ĉe *Ad. B. Hansen*, 47, Dr. Olgas Vej, *Kopenhago* (Danujo).

STUDENTOJ de naturscienco, kiuj deziras pasigi kelkajn monatojn en Davos, en belega ĉirkaŭaĵo, por studi iun branĉon de Alpa geologio, zoologio aŭ botaniko, povas trovi laborejon kaj laŭdezire instruadon kaj helpadon, pagante Sm 60 por la sezono (tri monatoj). Internacia Naturscienca Studejo, Davos-Dorf. Informoj de D-ro W. Marchand, Subdel. UEA Luginsland, Davos-Dorf, Svisujo.

VIVKUNULINON serĉas komercisto; solida ekzisto; germano 27-jara; kat.; kontraŭalkoholano kaj vegetarano. Havaĵo estas dezirata. Skribu al *S. K.* poŝtrestante, *Meran*, Tirol (Aŭstrio).

VOJAĜONTE venontan julion al *Vieno, Budapesto, Bosnio, Hercegovino, Dalmatio, Brione* k. t. p. mi serĉas 2 aŭ 3 kunvojaĝontojn. Oni skribu: *F. Rockmann*, Klewitzstrasse 12, *Magdeburg* (Germanujo).

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO